VIIIa jaro. № 120 ★ Duonmonata ★ 5 Aprilo 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

**Jara abono** . . . . . . **2,00 $** (5 fr. »)

**Luksa eldono**. . . . . **2,50 $** (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :

**HECTOR HODLER**

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco). **20 Sd.**

**Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) . **15 Sd.**

**Korespondado** (1 enskribo) . . **20 Sd.**

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

**Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)**

## TEKSTO



# LA EGALECO DE LA RASOJ

Oni ĝenerale konsentas pri tio, ke ni devas montri estimon al ĉiuj homaj rasoj, tute egale kiaj estas iliaj kapabloj ; sed oni ankaŭ — kaj tre ĝuste — konsentas pri tio, ke oni devas montri estimon al la dombestoj. Tie stariĝas dilemo : La homo plej estimema, se li estas saĝa, ne agos kun sia ĉevalo tute same kiel kun sia samlandano, t. e. li scios, ke unu ne povos paroli, pripensi kaj obei kiel la alia. La estimo do devas adaptiĝi al la ecoj de la estajo, kun kiu ni rilatas, kaj se kiuj homaj rasoj sin montras vere kapable malsuperaj ol aliaj rasoj, estas evidente, ke ni ĝis certa grado devos malsame agi kun ili. Tio kompreneble nin ne malhelpas ilin tutkore ami kaj fari ĉion eblan por certigi ilian feliĉon.

Ĉar ankoraŭ ekzistas homoj, kiuj fervore asertas, ke « la negro ne estas homo, sed simple malsama formo de l'bovo aŭ de l'azeno, kaj ke sekve oni ne bezonas agi kun li alie ol kompatema homo kun sia propra brutaro », ĉar tiu aserto naskas varmajn protestojn ĉe la negroj kaj aliaj rasoj celitaj, la demando pri la egaleco de la rasoj sin trudas al nia atento. Tiu demando estas speciale grava pro tio, ke nuntempe multaj rasoj estas malbone traktataj, kiel malsuperaj, kvankam oni ne posedas valoran pruvon pri tiu malsupereco. Se al tio oni aldonas la ĝeneralan tendencon konsideri la aliajn rasojn kiel malsuperajn, estas evidente, ke urĝas alporti iom da lumo en tiun demandon. Plie : se la frateco inter homoj iam fariĝos realajo kaj se la grandaj nacioj de l'mondo, sen distingo pri raso, kreos Internacian Tribunalon kaj Parlamenton, necesege estas unue pruvi, ke la direktantaj specoj de la homaro estas egalaj. Parlamento, kiu konsistus el homoj de ekstreme malsamaj kapabloj, estus absurdajo, realigebla nur en la ĉarma libro *Alico en Mirlando*. Firmin bonege resumas la demandon dirante : « La rasoj, kiuj sin konfesas egalaj unu al la alia, povos sin reciproke respekti kaj ami ».

Tamen, estas senutile enkorpigi en nia problemo ĉiujn gentojn kaj ĉiujn rasojn, kiaj ajn ili estas, sed nur la vastan parton de la homaro, t. e. Ĥinujo, Japanujo, Turkujo, Persujo, Hindujo, Egiptujo, Siamo, la rasojn negrajn, indianajn, malaziajn kaj blankajn, kiuj reprezentas la naŭ dekonojn de la homaro. Se ĉi tie kaj tie ia negrava popoleto, kiel la vedaoj aŭ la Hotentotoj, estas videble malsupera, tiu fakto ne starigos gravan problemon.

Antaŭ unu jarcento tre malfacile estis diskuti tiujn temojn. Nia kono pri la aliaj rasoj estis tiam malgranda, kaj ni ne posedis klaran scion pri la plej altaj kapabloj de la gravaj rasoj. Nun ne plu estas tiel. Ni preskaŭ intime konas la grandajn popolojn, kaj feliĉe ekzistas normo, kiu permesas ilin kompari almenaŭ je unu vidpunkto. Tiu normo estas liverata de la Universitatoj. Teorie, kaj nur teorie, estas eble koncepti, ke nenia individuo el alia raso ol la blanka, estas kapabla akiri la Universitatajn diplomojn ; oni eĉ povas koncepti, ke la anoj de kelkaj popoloj estas nekapablaj sekvi la kursojn de la unuagradaj lernejoj. Tamen la faktoj malpermesas tian konkludon, ĉar homoj el ĉiuj rasoj akiris diplomojn en la modernaj Universitatoj studante la plej malsamajn temojn. Konsente kun Ratzel ni do diru « Ekzistas nur unu homa speco ; la varioj estas multaj, sed la diferencoj estas malmulte profundaj ».

Kontraŭulo povus aserti, ke diplomito el malsupera raso estas brila escepto, kaprico de la naturo, kaj ke el tio oni ne rajtas konkludi pri la mezaj kapabloj de la raso. Oni povas diversmaniere respondi tiun aserton. Ni povus respondi, ke la membroj de ia ajn speco ne multe diferencas de la meza tipo (ekzemple, leonino ne naskas tigron). Ni ankoraŭ povus — kio estus pli kontentiga — ĝin refuti per palpeblaj faktoj : el la dek milionoj da negroj ekzistantaj en Usono, multaj

estas advokatoj, ĥirurgoj kaj kuracistoj, pluraj miloj havas Universitatajn diplomojn, centmiloj praktikas metion kaj posedas bienon akiritan, kelkaj kiel S-ro Booker Washington kaj P-ro Du Bois estas, laŭ ĝenerala opinio, eminentaj homoj. Sed ĉu tiuj faktoj donas ĝustan ideon pri la situacio? La negra loĝantaro en Usono estas efektive malŝatata kaj grandparte senigata je elementa edukado; al ĝi do plej ofte mankas la riĉeco kaj sekve la facileco de intelekta kulturo. Estas evidente, ke se la negra raso ne plu estus tiel malhelpata, la nombro de la universitataj diplomuloj kreskus. Oni povus ankaŭ argumenti pri la manko de eminentaj homoj ĉe la Usonaj negroj. Ili naskis nenian Shakespeare, nek Beethoven, nek Platon. Tio estas tute ĝusta, sed la milionoj da blankuloj, kiuj de pluraj jarcentoj loĝas en Usono, ankaŭ ne naskis tiajn altajn geniojn. Plie, la momento kiam homo estas unuanime rekonata kiel geniulo, venas nur post la kvindeka jaro; nu, la sklaveco estas forigita en Usono nur de ĉirkaŭ kvardek jaroj. Senutile estas diri, ke tio, kion ni jus aludis koncerne la kapablojn de la negra raso, kiu enhavas ĉirkaŭ 150.000.000 homojn, estas ankoraŭ pli vera pri la grandaj Orientaj popoloj, kiuj havas komplikajn civilizojn kaj naskis eminentajn homojn.

Ni nun ekzamenu tiun tezon, ke la homo estas ne nur intelekta estaĵo kaj ke, se la diversaj rasoj povas entute esti konsiderataj kiel egalaj je intelektaj kapabloj, ili tamen multe diferencas je iniciatemo, moraleco kaj beleco.

Iniciatemo estas malfacile difinebla. Se oni parolas pri la kvalitoj de la militisto, tiuj kvalitoj ŝajnas esti universalaj. La Grekoj, la Romanoj kaj la Kartaganoj certe estis bravaj kaj sentimaj. La Egiptoj, la Persoj kaj la Hebreoj kuraĝe batalis. La Mez-Epoko vidis la Kristanojn kaj la Turkojn, la Hunojn kaj Gotojn egale lertaj en la bela arto de l'buĉado. Gustav-Adolfo el Svedujo, Frederiko la Granda, Napoleono, Wellington direktis belegajn armeojn. Japanujo antaŭ nelonge montris la nekompareblan militgenion, kiun oni povas trovi en Ekstrem-Oriento. Kaj la tiel nomataj sovaĝaj gentoj ne estas malsuperaj je braveco.

Sed, oni diros, la milito estas potenca stimulilo, kaj tuj kiam tiu stimulilo estas malpli forta, kelkaj rasoj daŭras obei al ĝi dum aliaj rezistas. Nekuracebla mallaboremo, oni asertas, karakterizas la neeŭropajn rasojn. S-ro J.-S. Sherman, vicprezidanto de Usono, bonege komprenas tiun demandon : « La Indiano, li diras, estas nature mallaborema, nature malpura; li laboras ĉar li estas devigata labori, kaj principe li pri tio ne multe diferencas de la blankulo. Oni rakontis al ni, ke kelkaj indianoj drinkas, aliaj laboras, aliaj nek drinkas nek laboras, iuj ŝparas monon, aliaj prizorgas la bezonojn de sia familio, kaj aliaj finiĝas en malliberejo. Mi volus scii, ĉu en la tuta kontinento ekzistas unu blankula komunumo, en kiu tiuj karakterizoj ne estus troveblaj? » Vicprezidanto Sherman tie kritikas tre komunan eraron. Por agi la homo bezonas taŭgan stimulilon, ĉu tiun de la militisto, de la ĉasisto, de la paŝtisto, de la komercisto aŭ de la sciencisto; en tiu rilato Okcidento kaj Oriento estas je la sama grado. La loĝantoj en Ĥinujo kaj Japanujo estas famaj pro sia industriemo, kaj la loĝantoj en Turkujo, Persujo kaj Hindujo sin okupas je abelkulturo. Same la Negro kaj la Hindo-Amerikano iom post iom kutimiĝas al tio, kion ni en Okcidento nomas laboro, dum la primitivaj popoloj estas ĝenerale tiel laboremaj, kiel postulas la cirkonstancoj.

La braveco kaj agemo do ne povas formi netajn karakterizojn de la rasoj. Sed kion ni diros pri iniciatemo, elpensemo kaj progreso? La historiistoj instruas nin, ke en la tempo de Dante la agrikulturaj metodoj uzataj en Okcidento estis la samaj, kiujn uzis la antikvaj Romanoj; ili diras al ni, ke je la komenco de nia ero la ruĝharaj Teŭtonoj, kiuj havis tre elementan civilizecon, montris nenian deziron imiti la civilizitajn Romanojn, kun kiuj ili rilatis. Ĉu el tiuj faktoj ni rajtus konkludi, ke la eŭropaj rasoj kaj speciale la Teŭtona raso estas rasoj nekapablaj je progreso? Aŭ ĉu, male, tiuj faktoj ne montras al ni, ke malsimplaj sociaj kondiĉoj determinas, ĉu raso estos aŭ ne entreprenema, elpensema kaj progreskapabla? Koncerne militarton, Japanujo estas, laŭ unuanima opinio, egala je la grandaj okcidentaj regnoj, kaj en la scienco kiel en la industrio tiu Orienta nacio fariĝas unu el la unuaj. Hieraŭ, despota aŭtoritato karakterizis Orienton; hodiaŭ, oni postulegas konstitucian registaron en la malmultaj Orientaj landoj, kie ĝi ne ankoraŭ ekzistas. Tio estas cetere nur rekomenco de la Eŭropa historio, kiu apenaŭ eliris el la despotisma reĝimo. Se ni krom tio konsideras la antikvajn kaj majestajn civilizojn de Egiptujo, Babilono, Persujo kaj Fenicio, kaj pli speciale la belegan civilizon de Ĥinujo, al kiu ni ŝuldas sennombrajn elpensaĵojn kaj plej altajn eltrovaĵojn, se ni konsideras, ke la Orientaj landoj modeliĝas sian civilizon laŭ la Okcidenta, ĉu ne estas racie aserti, ke pri entreprenemo la diversaj rasoj povas esti konsiderataj kiel egalaj?

Ni nun konsideru alian gravan faktoron, nome la moralan faktoron. Antaŭ kelkdekoj da jaroj, parte pro la neevitebla nescio, parte pro la rasaj kaj religiaj antaŭjuĝoj, la moraleco estis konsiderata kiel monopolo de la Okcidento. La Ah-Sin de Bret Harte estis la tipa Ĥino; la krueleco kaj la subaĉetemo estis la speciala karakterizo de la Mahometano; la malplej altaj tipoj de la homaro estis prezentataj en la formo de skalpistoj kaj hommanĝantoj, cinikaj kaj senhontaj; la respekto al si mem kaj al la aliaj estis kvalito trovebla nur en Centra Eŭropo aŭ en Usono. Nun, kiam ni posedas la tradukon de la admirindaj Sanktaj Libroj de Oriento, tiu opinio perdis sian pravecon; ekzistas en la klasikuloj ĥinaj, hindaj, persaj, hebreaj kaj eĉ egiptaj kaj babilonaj, multaj lokoj trapenetrataj de la plej profunda etika sento.

Se ni transiras al la praktika moralo, fidindaj vojaĝantoj instruis al ni, ke la amo al la familio kaj al la patrujo, la sindonemo al amikoj, la helpo al la malfeliĉuloj estas la monopolo de neniu raso. Koncerne la Ĥinojn, D-ro Legge, angla sciencisto kaj misiisto, diras : « Se vi konsideros la Ĥinojn, vi trovos ĉe ili multon amindan kaj admirindan. Ili estas konstantaj, sobraj, lertaj kaj bonvolemaj; tiurilate ili povas esti favore komparataj kun nia loĝantaro. Mi trovis ilin fidelaj al la promesoj. Mi havis pri ili, je la socia kaj morala vidpunkto, ankoraŭ pli bonan impreson kiam mi ilin forlasis, ol kiam mi vizitis ilin antaŭ tri dek jaroj ». Similaj lokoj abundas en la modernaj verkoj pri la neeŭropaj popoloj.

(*Daŭrigota.*)

G. Spiller,
Ĝenerala sekretario de la Universala Raskongreso. Trad. (1) A. R.

(1) El la raportaro pri la 1ª Universala Raskongreso.

---

## AL NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la rubriko « Esperantismo ». Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkfoje resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al helpontoj la precizecon; ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj ĵurnaloj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton, la nomon de la urbo, kie ĝi aperas, kaj resuman enhavon de l'artikolo. Plue, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al nia redakcio kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo; ni poste danke ricevos iom detalan raporton pri tiaj manifestadoj. Ĉiuj korespondajoj devas alveni antaŭ la 12ª kaj 27ª de ĉiu monato al : « Esperantio », rue de la Bourse, 10, Genève, Svislando.

# SOCIA VIVO

INDUSTRIO

## Nova epoko de la ŝipkonstruarto

La granda dana ŝipkonstruejo *Burmeister kaj Wain* jus pretigis novan ŝipon, kiu vekis kaj vekos intereson tutmonde. La mova forto en tiu-ĉi ŝipo. nomita « Selandia », ne estas vaporo, sed motoroj de Diesel.

Burmeister kaj Wain jam dum kelkaj jaroj fabrikis Dieselmotorojn je sama grandeco, eĉ pli grandajn, ol tiuj, kiuj noni instalis en la ŝipo, kaj ili funkciadis bonege. Do estis nature provi tiun modernan movforton en grandaj ŝipoj. Nur mankis iu, kiu volis riski la necesan kapitalon por la unua provo, kaj je gajno de dana entreprenemeco sin prezentis la aĉetanto. La « dana orientazia kompanio » mendis « Selandia ». Multaj sekvos !

« Selandia » jam faris provekskursojn kun tre kontentigaj rezultatoj, kaj certe la uzo de Dieselmotoroj signifas revolucion aŭ almenaŭ anoncas grandan renversiĝon de la ŝiptekniko. La uzo de motoroj en malgrandaj ŝipoj kaj ŝipetoj ja ne estas io nova, sed la rimarkinda ĉe la motoroj de « Selandia » estas, ke oni tie por la unua fojo sukcesis fari la Dieselmotoron uzebla en granda ŝipo, dediĉata por veturado oceanen. Oni atingis ĉi-tiun celon, farante la motoron en tiu formato tiel direktebla, ke ĝi povas iri retroen ; tio estas la epokfaranta de la elpenso de la Danaj teknikistoj; la ŝanĝo de plena forto antaŭen al plena forto retroen okazas en malpli ol 20 sekundoj kaj estas farebla per helpo de premegita aero.

« Selandia » ŝarĝumas 6.800 tunojn ; ĝi mezuras laŭlonge 116 metrojn, laŭlarĝe 16, 5. La du grandaj Dieselmotoroj, kiuj precipe altiras intereson, estas ĉiu po 1.250 ĉevalfortoj. Plie la ŝipo estas provizita per du helpmotoroj po 250 ĉevalfortoj kiuj movas la aerpremegilojn, liveras elektran lumon, k. c.

La preferon de motoroj anstataŭ vaporo oni povas mallonge karakterizi en tio : La Dieselmotorŝipo uzas nur kvaronon de tiu pezo da hejtaĵo, kiun bezonas la vaporŝipo traveturanta saman vojon. Se ekzemple vaporŝipo por atingi Buenos-Ayres devas kunporti 1.600-2.000 tunojn da karbo, la Dieselmotor-ŝipo bezonas nur 450 tunojn da oleo ; do la ŝarĝspaco pliiĝas, kaj oni ŝparas ĉiujn elspezojn al hejtistoj kaj karboportistoj.

Ĉiuj homoj, kiuj iam veturis per granda vaporŝipo, konas la bruon de la maŝinaro de la ŝipo, kaj enirinte la maŝinejon ili vidis plurajn kolosajn aksojn bruege svingiĝantajn. Sur « Selandia » neniu varmego, neniu malsaniga kaj malbonodora aero, neniu surdiga bruo, neniu malpuraĵo, neniu karbopolvo. Oni nur iam kaj iam aŭdas sonon kvazaŭ revolveran pafon, kiam iom el la premegita aero eliĝas tra sava klapo, kaj en tiu-ĉi maŝinejo staras la maŝinisto antaŭ du teniloj kaj reguligas la maŝinaron, ekmovas la ŝipon kaj haltigas ĝin tiel facile kiel ni streĉas la risorton de nia poŝhorloĝo.

Ankaŭ la kajutoj kaj salonoj en « Selandia » estas ekipitaj kun nekutima bongusteco kaj eleganteco : laŭstilaj meblaroj dikaj tapiŝoj, veraj fenestroj kun kurtenoj (ne tiuj « bovokuloj » kiuj jam pro la aspekto donas al multaj la unuan senton de marmalsano) banejo por preskaŭ ĉiu kajuto, kaj veraj litoj starantaj sur kvar piedoj, ne pendlitoj. Ĉio estas desegnita de S-ro arĥitekto Brummer kaj fabrikita de Burmeister kaj Wain mem.

La 14 februaro « Selandia « faris sian unuan oficialan provekskurson de Kopenhago. Trankvila kaj firma ĝi rapidis el la haveno. Ĉe la havenenirejo estis ekokazonta akcidento, pro tio ke ne granda vaporŝipo per erara manovro provis preteriri « Selandia ». La danĝero de kolizio estis minaca, sed la ŝipego plenumis sian provon. La ŝipestro ordonis : Plena forto, retroen ! kaj vere je malmultaj momentoj la koloso ekhaltis kaj reiris ; la katastrofo estis evitita. Oni daŭrigis la ekskurson, kaj la maŝinaro funkciis konstante kun treega certeco kaj fidindeco. La teknikistoj povis konstati ke la provnavigadon montris bonegan rezultaton.

Al tiu ekskurso estis telegrafe invititaj kelkaj eksterlanduloj ; i. a. ĉeestis tri reprezentantoj de la granda Glasgowa ŝipkonstruejo Barclay Curle, kiu aĉetis la rajton uzi la Diesel-desegnaĵojn de Burmeister kaj Wain kaj jam nun konstruas fratoŝipon de « Selandia » ankaŭ menditan de la « dana orientazia kompanio ». Tiu-ĉi ŝipo nomiĝos « Jutlandia ». De la konata firmo Swan Hunter kaj Kio en Hull, kiu inter alie konstruis la ŝipegon « Lusitania » ĉeestis la direktoro ; la sveda ŝiparanĝejo « Nordstjernan », kiu jam mendis du Dieselŝipojn de Burmeister kaj Wain, sendis sian direktoron kaj Ĉefinĝenieron. Multaj aliaj partoprenis ; sed ne estas eble tie-ĉi nomi ĉiujn tiujn spertulojn, teknikistojn kaj ĵurnalistojn ; mankis nur S-ro Diesel mem, tiu nun famekonata germana inĝeniero, kies elpenso jam donis al li milionojn da Sm. Post kelkaj tagoj « Selandia » forveturos al la Norda Maro por tie fari grandan provnavigadon : poste ĝi iros al angla haveno kaj al Genovo ; kaj de tie ĝi konstante veturados Bangkokon, la ĉefurbon de Siamo.

Certe tiu-ĉi grando « vaporŝipo » sen tuboj vekos atentadon en ĉiu haveno, kiun ĝi eniras, kaj sur ĉiu ŝipo, kiun ĝi preterpasas. Meze de tempo, en kiu la perfektigado de la interkomunikiloj estas celo de la paca konkurbatalo de la landoj, ektraveturas tiu ĉi bela blankgriza ŝipo la oceanojn kiel la unua de sia speco, kaj sub Danebrogo, la malnova standardo de la Danoj, ĝi memorigos la mondon pri malgranda nacio, unu el tiuj, kiujn la mondo facile ignoretas, kaj kiuj nur povas sin tenadi en paca batalo, sed tamen ofte donas al nia civilizacio fortan antaŭenpuson.

N. Moesgaard Koge, Danujo).

## Subtera Urbo

Plena je delikata karbopolvo estas la aero. De griznigra koloro estas kovrataj la fasadoj kaj tegmentoj de la domoj. Ĉie kuŝas la polvo, sur stratoj kaj vojoj, sur arboj kaj arbustoj, sur folioj kaj floroj. La bluan ĉielon nigrigas la fulmkolonoj, kiuj staras nemoviĝante en la aero. Malhela, griza, malpura estas la ĉielo. Ni estas en la regiono de la minoj.

Kiel gardhundoj kuŝas la mindomoj super sia posedaĵo. Oni rimarkas, ke ĉi tie ili estas la Sinjoroj. Obstine staras la altaj turoj en la malbela lumo, kaj ĉirkaŭ ili alkroĉiĝas haloj, magazenoj, karbejoj, oficejoj formantaj dikan nigran araĵon. Kaj ĉiujn domojn ĉirkaŭe, kazernojn por laboristoj, dometojn por oficistoj, vendejojn kaj amuzejojn sufokas la grandaj minkonstruaĵoj en sia regema alteco kaj grandeco.

Estas la tempo de dejorŝanĝo. Antaŭ la pordegoj premiĝas la amasoj da laboristoj en malhelaj malbonaspektaj vestaĵoj. Seninterrompe englutas la minoj la vivantan fluon. Seninterrompe tage kaj nokte oni laboradas ; oni ne konas ĉi tie la diferencon inter tago kaj nokto nek inter festa kaj semajna tago. Trifoje en dudekkvar horoj ŝanĝiĝas la laborroto. Trifoje ĉiutage la novaj rotoj malsupreniras kaj laciĝitaj, polvokovritaj, malpuriĝitaj supreniras la malnovaj por hejmen kuri kaj iom ripozi.

Antaŭ la eniro ni ŝanĝas la vestaĵojn kaj surmetas pantalonon kaj jakon el dika ŝtofo. Pezegaj ŝuoj kaj senforma ĉapelo kompletigas la elŝanĝon. En la mano la bastono, la sola signo de la rotestroj, kiuj ordonas la laboristojn, ni nun troviĝas rekte antaŭ la putoturo. Sur la tegmento moviĝas du grandaj, ŝtalaj radoj, super kiuj kuras la ŝtalaj ŝnuregoj, de kiuj unu eniras la puton, dum la alia estas volvita ĉirkaŭ dika ŝtalleda cilindro.

Apud la putoturo staras la liftdomo, en kiu troviĝas la maŝino por suprenigi la karbon kaj transporti la homojn en kaj el la profundaĵo... jus la maŝino ne moviĝas. La maŝinisto antaŭ ĝi atendas. Nun eksonas sonorilo, la maŝinisto tiras la movilon. Fajfante la vaporo eniras la maŝinon. Kvazaŭ sopirante ĝi eklaboras. Malrapide ekturniĝas la stangaro; la ŝnuregoj ekkuras.

Unu fino de la ŝnurego portas la plenan, la alia la malplenan karbkeston. Pli kaj pli rapide kuras la maŝino, la plena kesto alproksimiĝas, la malplena pli kaj pli enteriĝas. La maŝinisto rigardas la montrilojn : 100, 200, 300 metroj. Ĉiam pli rapide turniĝas la montriloj : 400, 500, 600 metroj. La maŝinisto malrapidigas la kuron, 700 metroj. Li haltigas la maŝinon. Senmove staras la montriloj. La plena kesto el la profundeco alvenis. Momento de silento; poste nova signo, nova ekmovo kaj kun ĉiam ŝanĝiĝanta vico daŭras la ludo.

La putoturo estas la centro de la mino. En la unua aŭ dua etaĝo finiĝas la puto. Malgaja krepusko regas en la malaltaj ĉambroj. La aero estas plena je karbopolvo, kiu dike kovras kaj malpurigas la fenestrojn. Tondrante moviĝas la karbokestoj. Oni forŝovas la plenajn, oni reŝovas la malplenajn. Neniu momento de ripozo, sen interrompo, senĉese. Estas vera infera bruo, en kiu preskaŭ malaperas la krioj de laboristoj. Senhalte la monto englutas la malplenajn kestojn kaj elglutas la plenajn kun la nigraj diamantoj. En tiu grandega organismo ĉiu homo estas envicigata senkompate.

Neniu brako rajtas laciĝi, neniu mano povas ripozi. La tuta maŝinaro funkcias nur, se ĉiu nepre faras sian devon. Unu sola granda ideo ŝajne regas ĉiujn tiujn ŝvitantajn, nigrigitajn, malpurajn homojn; unu sola sono trafluas tiun bruon, tiun senhaltan laboradon : lifti, lifti, lifti karbon.

Nia alveno iom interrompas la vivon. La estro de la putoturo informas la maŝiniston prepari lifton de personoj, ĉar la kutima rapideco, en kiu kuras la liftoj ne estas por homoj. Ni eniras malgrandan keston, en kiu oni eĉ ne povas rekte stari. Rapide ni malsupreniras, tiel rapide, ke ni devas malfermi la orelojn, por ke la diferenco en la aerpezo ne estu danĝera. Sen ŝirmilo ni malsuprenglitas je la malseketa muro. Ju pli profunden ni venas, des pli da akvo falas en gutoj de la muroj. Delikata pluvo malsekigas nin pli kaj pli. Lumo ekaperas kaj malaperas. Senhalte ni preterpasas ĉe malnovaj karbovojoj. Jen denove lumo. La kurado malrapidiĝas Ni haltas. Ni estas je la fundo de la mino. Ĉambrego lumigita de elektraj lampoj akceptas nin. Antaŭ la lifto homoj kaj kestoj amasiĝas. Ni marŝas antaŭen. Ĉie vejnoj por alporti la karbojn al la lifto. La elektraj lampoj iom post iom malaperas, la vojo malgrandiĝas. La bruo fariĝas murmuro, kiu iom post iom mortas. Silento kaj soleco ĉirkaŭas nin. La gvidisto marŝas senvorte antaŭ ni. Mistera migrado. Novulo estas kaptita de teruro, se li unuan fojon ekvidas tiun grandegan subteran urbon, kies grandecon oni ne vidis, sed sentas. Sennombraj estas la vojoj. La hela lampo estas la sola konsolo en tiu profunda, terura soleco. Laciga estas tia migrado. Ofte la vejnoj estas tiel malaltaj, ke oni devas kliniĝi kaj povas nur malrapide antaŭen iri. Kelkfaje oni tuŝas la plafonon, kio dolorigas malgraŭ la dika ĉapelo kiu pezigas la kapon... Fine ni alvenas. Voĉoj eksonas antaŭ ni. Lampoj aperas. Post longa irado la unuaj homoj en la subtera urbo.

Oni salutas. Ni estas ĉe la loko, kie la karbo estas gajnata. Kelkfoje, se la laboristoj povas stari kaj uzi dinamiton por gajni la karbon, la laboro ne estas tro malfacila. Sed laciga kaj terura estas la laboro, se venenaj gasoj venenigas la aeron kaj ĉiama danĝero de eksplodoj minacas la laboristojn, aŭ se la vejnoj estas tiel malgrandaj, ke la laboristoj devas kuŝi sur la ventro aŭ sur la dorso ĉe la laboro.

Tiam la temperaturo ofte estas tre alta. La pulmoj laboregas, la homoj ŝvitas. La laboristoj estas devigataj formeti la vestaĵojn. Nigraj brilaj korpoj en ĉiuj pozicioj svingas la martelon almilitante la nigrajn karbvejnojn.

La gajnita karbo estas ĵetata en kestojn, kiuj poste kuniĝas je vagonaro, tirataj de ĉevaloj. La plej bonaj kamaradoj estas tiuj malfeliĉaj bestoj. Ili ofte por ĉiam forlasis la sunon. Ili ĉiam restas malsupre en la mino. Tie ili dormas, estas nutrataj kaj tie ili blindigitaj pro la manko de lumo, pasigas sian vivon.

Grava danĝero por la minoj estas la akvo. Ĝi senĉese amasiĝas kaj oni estas devigata por sin liberigi ĝin elpumpi. Se tio ne okazas, la minoj dronas. En speciala ĉambro troviĝas la pumpmaŝinoj, kiuj same senĉese laboras, kiel ĉiuj en tiu urbo. Per longaj tuboj la akvo estas kondukata al la tersurfaco, ĉar neniu loko estas por ĝin konservi en la subtera urbo.

Ĉiam samaj kaj ĉiam ŝanĝitaj estas la scenoj, kiuj aperas antaŭ ni ĉe tiu migrado. Nia migrado jam daŭris horojn. Lacigitaj ni sopiras al freŝa aero. Nia gvidisto rekondukas nin al la lifto. La kesto akceptas nin. Nun ni supreniras. Heliĝas. La sama ĉambro, kiu antaŭe estis tiel malhela, nun lumigita ŝajnas. Ni eliras. Hela taga lumo ĉirkaŭas nin.

Colin Ross.

Trad. Fr. Fl.

## La Fervojo al Jungfraŭ

Malofte teĥnika verko dum sia longa kaj malfacila konstruado altiris la atenton de la klera mondo, kiel tiu ĉi genie elpensita monta fervojo al Jungfraŭ, Svisaj Alpoj (4.166 m.). Ĝi ja estas la sola fervojo, kiu kondukas meze de la glacieja mondo en la vera senco de l'vorto.

Malpacience oni atendis post dekkvinjara konstruadtempo la trabaton de la stacio « Jungfraujoch » (3.457 m.)(1). La fervojo komencas en stacio « Kleine Scheidegg » (2.064 m ) de la « Wengernalp » fervojo. La unuaj du km. kondukas laŭlonge de la montdorso al stacio « Eigergletscher » (2 323 m.). Ĉe Eigergletscher la elektra vagonaro enveturas en la granda tunelo, kiu finiĝos sur la pinto de l'monto post suprenirado de preskaŭ du mil metroj. La unua tunela stacio jam estas je alteco de 2.868 m. en la vertikala norda muro de l'Eiger. Ĝi estas la unua tute el roko tunelita stacio de l'mondo, la plafono estas portata de rokaj kolonoj dikaj je 3-5 m. Norde troviĝas tri larĝaj fenestroj, tra kiuj oni ĝuas mirindan vidaĵon, al la antaŭaj montoj. De Eigerwand la fervojo de la norda turniĝas al sudorienta flanko de l'Eiger kaj atingas « Eismeer » (Glacieja maro). Tie troviĝas en lignumita halo la plej alte lokita restoracio de Eŭropo. Nekomparebla vidaĵo al la mondo de l'glaciejoj kaj montegaro rekompencas la vojaĝantojn. En stacio « Eismeer » finiĝas la turista transporto; granda pordo fermas la nepretan parton de la tunelo. Tie estas instalata granda halo enhavanta maŝinojn por borado, ventolado, hejtado, ktp. La fervoja linio nun iras rekte 3 km. sub la pinto de l'Mœnch; la lasta parto longa — 500 m. havas dentradan sistemon. Depost fino de 1907, pli ol 4 jaroj oni laboris tage kaj nokte je tiu ĉi parto (3.6 km.) de l'fervojo. Malfacile estis labori je tiu ĉi alteco, kaj la granito estis tiel malmola, ke oni faris tagan progeson de nur 3-3 1/2 m. Sed tio havis la profiton, ke estis ne necese elmasoni la tunelon. Por faciligi la transportadon de eltunelita materialo oni konstruis je alteco de 3 340 m. flankan tunelon ĉe km. 8.5, al sudokcidenta flanko de l'Mœnch. Tiu ĉi flanka tunelo rapidigis la aliajn laborojn tiel, ke la kvara stacio « Jungfraujoch » estas finota je komenco de la sezono 1912.

La stacio estas lokita je alteco de 3.457 m. de la komenco ĝis tie la fervojo leviĝas ĉirkaŭ 1.400 m. Ankaŭ en tiu ĉi

(1) Oni atingis stacion « Jungfraujoch » je la 21 februaro 1912.

stacio vastiĝas la tunelo al granda perono; la restoracio kaj oficaj ĉambroj ne estas interne de l'monto sed troviĝas en aparte staranta domo. Granda atendejo por kelkaj centoj da turistoj troviĝas en la malsupera etaĝo de ĉiuj stacioj; ĉe la dua etaĝo estas la restoracio kaj super tio en la tria ĉambroj por turistoj. Flanka galerio de ĉirkaŭ 100 m. de longeco komunikigas la stacidomon kun libera roka teraso, de kiu oni povas sen peno kaj danĝero transiri kaj promenadi sur preskaŭ tute ebena neĝokampo.

En la stacio entuziasmigas nin la belega vidaĵo al « Jungfraufirn » kaj « Aletschgletscher » la plej granda glaciejo de Eŭropo, kiu estas videbla en sia tuta longeco de supera « Mœnchsjoch » ĝis « Eggishorn ». En la malproksimaĵo oni rekonas klubajn kabanojn kaj la pavilonon ĉe la fama « Konkordiaplatz », kiun oni atingas en 2 1/2 horoj; en pluaj 2 1/2 horoj oni transiras la glaciejon kaj venas al mirinda « Mærjelensee », de kie kondukas mula vojeto al vilaĝo « Fiesch » en Rodana valo. Antaŭvideble tiu ĉi ekskurso : Interlaken-Jungfraujoch-Aletschgletscher-Rhonethal fariĝos grava turista vojo dum somero, ĉar estas la plej mallonga distanco inter la Rodana valo kaj Interlaken. Okcidente surprizas nin la potencega pinto de l'Jungfrau, kiu leviĝas tute proksime. Estas mirinde bela monto; ju pli oni enpenetras en ĝi, despli oni miras pro la beleco de ĝiaj formoj.

Kiu volas ĝui la tutan grandiozan panoramon, iras en kelkaj minutoj per oportuna vojo al plej bela parto de l'Joch, al jam nomita roka teraso, kiu disigas la montojn « Mœnch » kaj « Jungfraŭ » kaj donas bonan rigardon norden al grandegaj glaciaj deklivoj. Tie montriĝas ankaŭ la imponanta « Mœnch »; malantaŭ « Mœnch » oni ankoraŭ ekvidas pinton de l'Eiger (3.974 m.). Se oni tute iras al terasa rando tiam oni vidas je terurega profundeco la glaciejon « Guggikessel ».

Ju pli proksime kaj potencege tiu ĉi glacia kaj neĝa mondo efikas al la rigardantoj, des pli ĉarma estas la perspektivo norden super la disfendata « Guggi » glaciejo al la vasta ebenaĵo. Oni ĝuas de tie rondvidaĵon kies nur partojn povas doni la aliaj stacioj. En stacio « Eigerwand » oni havas rigardon al norde kuŝantaj antaŭalpoj kun iliaj verdaj herbejoj, nigraj arbaroj, ĉarmaj valoj kaj lagoj; kaj en stacio Eismeer perspektivon sudorienten en granda nekomparebla glaciejaro, ĉirkaŭata de montoj ĉielaltaj, tiel kunigas « Jungfraujoch » la panoramojn de ambaŭ stacioj : ĉe la unua flanko vera glacieja arkto, ĉe la alia, en nemezurebla malproksimego la verda nordsvisa ebenaĵo. Aparte ensorĉas nin la ĉarma « Wengernalp » kaj valoj de Lauterbrunnen kaj Grindelwald, iom malantaŭe « Interlaken » kun la verde brilanta lago de Thun. Tiu emocia konstrasto inter grandegaj glaciejaj kampoj kaj piede kuŝantaj verdaj herbejoj kaj arbaroj kune kun la rigardo en nemezureblan malproksimecon postlasas al ĉiuj vizitintoj neforgeseblan impreson.

C. Hildebrandt (Del. Thun).

IDEOJ & FAKTOJ

## Historio de l'pano

Fame konata franca proverbo diras por esprimi longan kaj malagrablan atendon : « Longa kiel tago sen pano ». Ĝi esprimas observan fakton : En la homa vivo ne estas tago, dum kiu la homo ne manĝas panon, kaj se okaze li restas unu aŭ kelkajn tagojn ne manĝante ĝin, certe tiuj tagoj lasas al li daŭreman rememoron dum lia vivo. Efektive, ĝi memorigos pri tagoj de grava malsano, dum kiuj li estis kondamnita al dieto aŭ tagoj de nigra mizero, kiujn feliĉe malgranda nombro da niaj samlandanoj nun konas.

Rimarku ke ne ekzistas alia nutraĵo pri kiu oni povas same paroli. Ne ekzistas alia nutraĵo, kiu revenas ĉiutage kaj je ĉiu manĝo kaj precipe nenia, kiu se ĝi estus tiel ĉiutaga, ne tedus nin. La hejmomastrinoj kaj la pensionestroj bone scias, kiamaniere tedas ĉiuj nutraĵoj, kiun revenas tro ofte sur la menuo, kaj la malbona rememoro, kiuj konservas infanoj dum tuta sia vivo pri nutraĵoj cetere bonegaj, kiel bolinta bovo aŭ fazeoloj, ne havas alian kaŭzon. Kontraŭe oni neniam laciĝas je pano; eĉ estas malagrable manĝi alian nutraĵon ne akompanatan de pano. Ĉu vi pripensis pri la deveno de tiu vorto : Akompani? ĝi devenas de du latinaj vortoj : *cum pane* (kun pano). Plie ĝi ne nur estas la ĉiutaga nutraĵo; ĝi estas ankaŭ preskaŭ la sola, kiu sufiĉas al nia nutrado. La lakto sole estas, laŭ tiu vidpunkto, supera. Oni scias, ke homo povas vivi nur per lakto tiel estas pro stranga ironio de l'sorto la plej riĉa homo en la mondo, la Usonano Rockfeller.

Sed la pano ankaŭ povas se bezone sufiĉi por la vivo. Mi ne scias, ĉu miliardulo tion spertis sed multaj malliberuloj ĝin faris. Mi persone konis en Montpellier rusan studenton, kiu dum ses monatoj sin nutris per unu kilogramo da pano ĉiutage.

Jen kial la pano fariĝis simbolo de la vivo, de la fizika vivo. La esprimoj « gajni sian panon » aŭ « gajni sian vivon » estas egalvaloraj kaj eĉ de la tago, kiam Jesuo Kristo rompis panon dirante : « Prenu kaj manĝu; tio estas mia korpo », ĝi fariĝis simbolo de la supertera vivo. Jen kial ĝi estas ankoraŭ en kelkaj malnovaj kamparanaj hejmoj la objekto de speco de kulto.

Ĉe kelkaj hejmoj oni per tranĉilo faras krucon sur la panon antaŭ ol ĝin distranĉi. Estas aliaj, kie oni zorgas ĝin ne meti sur la tablon returnite ĉar tio revenigas la « fantomojn »! Ĉiuokaze oni instruas la infanojn, ke ili ne jetu panpecojn; oni ne devas jeti panon ĉar la pano estas vivo, kaj la vivon oni ne devas malbonuzi.

Sed kompare al tiuj kvalitoj la pano havas ankaŭ kelkajn mankojn. Estas el ĉiuj nutraĵoj tiu, kiu kostis kaj kostas al la homaro la plej penigan laboron. Ne sen kaŭzo la Biblio diras : « Ci manĝos la panon per la ŝvito de cia frunto ». Sed oni ne scias kiel severe tiu leĝo plenumiĝis. Unue, venas la laboro por produkti la grenon mem, fosi kaj movi la teron, laboro tiel peniga, ke en preskaŭ ĉiuj lingvoj la vorto, kiu signifas malfacilan laboron : Plugo, laboro, devenas el sama latina vorto : *Labor*.

Kalkulu kiom da milmiloj da homoj, de kiam la greno ekzistas, surverŝis la teron per sia ŝvito! Produkti la grenon ne estas ĉio. Tiamaniere oni ne povas ĝin manĝi; ĝi havas tro malmolan ŝelon ne digesteblan; oni devas ĝin pisti kaj mueli. Tio estas granda malsuperaĵo kontraŭ la rizo, kiu povas, tuj post la rikolto, esti kuirata kaj konsumita eĉ en formoj multe pli diversaj : kun salo, kun sukero, en supo, en kuko. Dank'al tio ĉiuj aziaj rasoj, kiuj manĝas rizon, estas liberigitaj je la muellaboro. Ne pensu, ke tio estas malgrava! La turnado de la muelŝtono estis unu el la plej premaj laboroj sub kiuj dum jarcentoj ĝemis la homaro. Al tiu laborego oni kondamnis la sklavojn kiujn oni volis puni; ligitaj al longaj stangoj kiel ĉevaloj, kun buŝumo sur la vizaĝo por malpermesi, ke ili manĝu la farunon teren falintan, dum sia tuta vivo ili devis turni la pezan muelŝtonon. Ne sole la sklavoj estis jungitaj al tiu bruta laboro, sed ankaŭ virinoj ho ve! havis la taskon pisti la grenon. Homero parolas al ni pri la dek-du virinoj, kiuj en la palaco de Penelopo ĉiutage muelis la grenon por satigi la aspirantojn. Eĉ ne reirante ĝis Homero, oni sciu, ke la Kabilaninoj en Alĝerio tion ankoraŭ nun faras.

(*Daŭrigota*). Ch. Gide,

Trad. 1) E. Souchay (Laborkonsulo, Parizo)

1) El la gazeto « Le Consommateur » (Parizo).

## La parohaj popolaj lernejoj en Rusujo

II

Lastjare nia eklezia lernejo festis la 25-jaran datrevenon de sia restariĝo. En Peterburgo estis organizata interesa ekspozicio, kiun vizitis la aŭtoro de ĉi-tiuj linioj. Nia eklezia lernejo laboris malgraŭ multaj malfacilajoj, premoj, mokoj. Oni ne komprenis, ke la Eklezio ne havas monon, kaj sen sufiĉo da mono ni ne povis aranĝi ĉiujn niajn lernejojn tiel bone kiel la registaraj, multhelpitaj kaj amitaj. Niaj instruistoj ricevis malaltan salajron (15, 20, 25 Sm. monate); tial ni ne povis havi bonegajn instruistojn; kamparanoj subtenis la lernejojn ekleziajn. Sed ĉu multe povas helpi malsata malklera rusa vilaĝano? Kaj malgraŭ tio-ĉi, mi montras, ke eĉ en tiaj cirkonstancoj ni havis bonajn lernejojn (1 kaj 2 klasajn), idealajn instruistojn. Nune, la ekleziaj instruistoj ricevas sufiĉan salajron (35, 40, 45 Sm. monate, kun preta hejtado, loĝejo kaj iafoje lumo) kaj tial multaj lernejoj ricevis bonegajn instruistojn. Komparante lernejojn ekleziajn kaj registarajn, ni vidas, ke la programo de kursoj nemulte diferencas, ke ekzistas multaj registaraj lernejoj sukcesaj kaj malsukcesaj, kaj tio same en lernejoj ekleziaj. Ĉio dependas de instruisto mem: se li deziras, li havas la rajton laŭvole plivastigi la kadrojn de la oficiala programo.

Laŭ oficialaj informoj en 1906 oni kalkulis en Sinodo (Eklezia Departemento) 41.000 proprajn ekleziajn lernejojn kun armeo de 2 milionoj da gelernantoj; el tiu kvanto 25.000 lernejoj havis proprajn domojn je sumo da 50 milionoj Sm., el kia sumo 35 milionoj de Sm. estis elsercitaj de pastraro kaj oferitaj de la malklera kaj malriĉa popolo, estante kolektitaj pece, spesdeke! La ekleziaj lernejoj, kiel ankaŭ la registaraj, havas 3 tipojn: *unuklasaj* (3 jaroj de instruado), *duklasaj* (5 jaroj) kaj *duaklasaj* (6 jaroj). La programo de unua klaso (de unuklasaj kaj duklasaj lernejoj) entenas objektojn: *Diĝegoj* (malnova kaj nova testamentoj, preĝoj, klarigo de *Diservoj*), aritmetiko, rusa lingvo, belskribado, eklezia-slava lingvo (per kiu parolis niaj rusaj antaŭuloj kaj per kiu oni Diservis kaj Diservas nun), kantado de ekleziaj kaj popolaj kantoj. En kelkaj lernejoj laŭvole oni instruas bindi kaj desegni. Programo de la dua klaso estas: « Dialeĝoj » plivastigo de antaŭaj kursoj kaj historio de Eklezioj de Kristreviviĝo ĝis nuna tempo, katehismo) aritmetiko (partumoj, decimaloj, kambioj, k. t. c.), rusa lingvo kaj belskribado, geografio (tutmonda kaj precipe Ruslanda kun sciigoj pri astronomio kaj geologio) naturscienco (elementoj de fiziko, ĥemio, anatomio, zoologio, botaniko, terkulturo) kun eksperimentoj laŭeble, desegnado geometrio kaj principoj de termezurado; preĝej-slava lingvo, kanto. En duaklasaj lernejoj la programo de la sesa fako estas plivastigita, kun pedagogia instruo, kaj gelernantoj praktikas instrui gelernantojn de du fakoj de unua klaso. Ĉia lernejo, ĉu unuklasa, ĉu duklasa, havas propran domon, kie estas plejparte ankaŭ loĝejo por instruisto. Multaj lernejoj estas sufiĉe altaj, vastaj, kun multaj fenestroj kaj sufiĉe varmaj vintre (vintre ni havas 35-39-40 Reomur da frosto; somere, tiom de varmego); sed ekzistas tiaj kun kontraŭaj kvalitoj, bedaŭrinde! Multaj lernejoj havas multe da diversaj helpiloj por instruado, tabeloj, bildoj, lumbildoj albumoj, iloj por ĥemiaj kaj fizikaj eksperimentoj kaj aliaj. La instruado en vilaĝaj lernejoj en Siberio estas daŭrigota de oktobro (malnova stilo) ĝis 1 majo; en kelkaj lernejoj la instruado finhavas eĉ en aprilo, kaj komenciĝas meze de septembro. En majo estas ekzamenoj por gelernantoj de tria kaj kvina fakoj. Kiel oni vidas la lernoperiodo estas tre malmultdaŭra; niaj malriĉaj kaj malkleraj kamparanoj bezonas eĉ la malgrandajn nespertajn manetojn de siaj infanoj por mastrumo!.. Krom tio, multo da festoj malhelpas sufiĉe eluzi la lernoperiodon: krom dimanĉoj kaj apartaj festoj komunaj kaj lokaj ekzistas libertempo Paska (7 tagoj), unu semajna de granda Fasto, dusemajna kristnaska kaj kvartaga karnavala. Ĉiutage, krom sabatoj, oni donas po 5 lecionoj, ĉiu leciono po unu horo.

Sabate oni donas po 3-4 lecionoj, por ke la infanoj ripozu antaŭ la vespera Diservo. En festotagoj la gelernantoj vizitas preĝejon kaj partoprenas Diservon; ili kantas, legas, helpas al pastro. Laŭ regularo multaj lernejoj havas elektitan el anoj de vilaĝa Societo *zorganton*, kiu devas pagi el sia mono (pro tio li dum tia-ĉi tempo ne pagas lokajn impostojn) por unuklasa lernejo 25 Sm., jare kaj por la duklasa po 50 Sm., li estas elektita por tri jaroj kaj estas nomita ruse: « popeĉitelj ». Al multaj ekleziaj lernejoj monhelpas preĝejoj, paroĥa bonfaranta societo, laŭvolaj oferoj de paroĥanoj, enmetitaj en apartan kesteton kiun zorganto portas dum Diservo inter la preĝantoj, kiuj jetas tien spesdekojn laŭvole. Salajron al instruisto donas duone la registaro, duone la paroĥanoj. Lernolibrojn la gelernantoj aĉetas; la malriĉuloj ricevas ilin senpage.

Pastro J. Seriŝev, (*Krasnij Jar*).

---

## NOTOJ

∴ *La divido de la homaro laŭ la seksoj.* — La plej nova denombrado de la homaro, publikigita de S-ro Gulischambarow, donas interesajn rezultatojn pri la divido de la seksoj. La nombro de la tuta homaro estas donita kun 1700 milionoj da homoj. De tiu sumo estas konataj kiel virseksaj 522 milionoj, 516 milionoj kiel virinseksaj. Oni vidas, ke preskaŭ la ciferoj estas egalaj kaj ke ekzistas iom pli da viroj. Speciale plinombraj estas la virinoj en Eŭropo kaj Afriko. En la aliaj kontinentoj la viroj havas la pli grandan nombron. Aŭstralio estas relative la lando kun la plej malmultaj virinoj. La lando plej riĉa je virinoj estas Ugando en Afriko, kie por 1000 viroj oni kalkulis 1470 virinojn, dum kontraŭe en Alasko kaj sur la Malaziaj insuloj ni trovas la landojn plej malriĉajn je virinoj; t. e. por 1000 viroj nur 390 virinoj. Ĉi tiu nova statistiko forigas la antaŭan opinion, ke en ĉiuj kontinentoj escepte Eŭropo la viroj estus la plimulto.

∴ *Ĉe la Pariza Universitato.* — Jen la statistiko de la studentoj enskribitaj je la Universitato de Parizo: Fakultato de juro: 7.507 studentoj, el kiuj 911 fremduloj kaj 99 virinoj; — fakultato de medicino: 4.360, el kiuj 898 fremduloj kaj 570 virinoj; — fakultato de sciencoj: 1.752, el kiuj 453 fremduloj kaj 248 virinoj; — fakultato de literaturo: 3.011, el kiuj 1.401 fremduloj kaj 1.241 virinoj. — Supera lernejo de Farmacio, 691 el kiuj 21 fremduloj kaj 32 virinoj.

Sume 17.231 studentoj, el kiuj 3.384 fremduloj kaj 2.190 virinoj, t. e. 183 studentoj pli ol lastan jaron.

La Universitata Senato decidis la kreon de nova universitata titolo, laŭ propono de la Fakultato de juro. Ĉi tiu titolo estos: « Docteur de l'Université de Paris, mention droit (doktoro de la Universitato de Parizo, fako « juro »). Ĝi estas speciale kreita por la fremdaj studentoj. Ĉi tiu nova titolo, kiu estas « universitata titolo » donos neniun el la rajtoj apartenantaj al la titoloj de la Franca Ŝtato M. L.

∴ *Internacia Poŝtkongreso.* — La Berlina komercistaro starigis jenan deziraron por la Internacia Poŝtkongreso en Madrido (1913):

1° Forigo de la nekonvenajoj en la internacia korespondado, devenantaj el la diverseco en la afranko kaj pezoskaloj. — 2° Enkonduko de la porpresaĵa tarifo por la aferpaperoj. — 3° Ŝanĝo de la regulo, laŭ kiu sendaĵoj kun komercaj specimenoj devas ne enhavi iun objekton komerce valoran. — 4° Enkonduko de simpla kaj malmultekosta sendformo por malgrandaj kvantoj da komercaĵoj (ĝis la pezo de 1 kg.). — 5° Enkonduko de la afrankigo per kontanta mono por leteroj (t. e. sen uzo de poŝtmarkoj) en la internacia interkomunikiĝo. — 6° Pligrandigo de la maksimumaj dimensioj de poŝtpakoj.

S-ino A. G.

# LITERATURA PAĜO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*Marcel Merkens.* — **La Vendetta,** novelo de H. de Balzac. Paris, Presa Esp. Societo. Prezo : Sm. 0,50.

La multaj esperantistoj, kiuj trovas veran kaj senmiksan plezuron ĉe legado de ĉefverkoj tradukitaj laŭ pura klasika stilo devas mendi tiun verkon de tro frue mortinta Marcel Merkens (1873-1911). En kortuŝanta antaŭparolo S-ro Th. Cart rakontas lian mallongan vivon, grandparte dediĉitan al Esperanto. « Granda estis lia deziro akiri plej simplan, plej klasikan Fundamentan stilon..... Vortojn novajn li ne ŝatis, kaj el ni ĉiuj konservativuloj, li estis eble la plej konservema. »

La leganto juĝos mem pri la merito de lia stilo per la sekvanta eltirajo. (Priskribo de la mizera kondiĉo, en kiun la senkompata venĝemo de maljuna korsikano faligas lian filinon Ginevra kaj bofilon Lŭiĝi.)

Ĝinevra naskis filon, kiu, por uzi popolan esprimon, estis *bela kiel la taglumo.* La patrina sento duobligis la fortojn de l'junvirino. Luiĝi prunteprenis monon por provizi al la elspezoj de l'akuŝo de Ĝinevra. En la unua tempo, ŝi do ne sentis la malfacilon de sia situacio, kaj ambaŭ geedzoj dediĉis sin al la ĝojo de l'infaneduko. Tio estis ilia lasta feliĉo. Same kiel du naĝantoj kunigas siajn penojn por trarompi fluon, la du Korsikanoj unue batalis kun kuraĝo ; sed kelkafoje ili sin ellasis al apatio simila je tiu dormo, kiu antaŭiras morton, kaj baldaŭ ili estis devigataj vendi siajn juvelojn. Malriĉeco subite aperis, ne malbelega, sed simple vestita, kaj preskaŭ facile elportebla ; ĝia voĉo havis nenion teruran ; ĝi trenis post si nek malesperon, nek fantomojn, nek ĉifonojn, sed ĝi forgesigis memoron kaj kutimon de l'komforto, ĝi malstreĉis la risortojn de l'fiereco. Poste venis mizero kun ĝia tuta abomenajo, senzorga pri siaj vestaĉoj kaj piedpremanta ĉiun homan senton. Sep aŭ ok monatojn post la naskiĝo de l'juna Bartholomeo, oni estus apenaŭ rekoninta en la patrino, kiu mamnutris tiun malfortikan infanon, la originalon de l'admirinda portreto, sola ornamo de l'nuda ĉambro..... » (p. III.)

Post legado de verkoj tiaj, kiel estas *Ostlorn* aŭ *Trezoro de l'orajisto* (pri tiu lasta mi parolos en venonta artikolo), la legado de la *Vendetta* efikas kiel purfreŝa vento blovanta sur marĉa akrodora ebenejo.

*R. Unterman.* — **En Danĝero,** triakta drama teatrajo (en versoj) originale verkita. Eldonis Algemeene Boekhandel. T. Kerssuwken, St.-Jacobsmarkt, 66, Antwerpen (Belglando). Prezo : 1,10 Sm.

Tiu libro riĉiĝas per bona specimeno nian originalan literaturon. La aŭtoro tre modeste ĝin prezentas al la Esperantista mondo : la situacioj, li diras, estas tre simplaj ; li antaŭtimas, ke la legantoj eble riproĉos al li la nesufiĉan movadon ; sed li esperas, ke, antaŭ ol juĝi, oni bonvolos pripensi, kiom delikata estas la « subjekto » pritraktita. Tamen ne tiajn riproĉojn mi faros al tiu teatrajo. La movado estas sufiĉa ; cetere la « movado » ne estas necesa kondiĉo por ĉefverkoj. Ekzemple en «Kaatje » estas eble malpli da movado ol ĉe « En Danĝero ». Plie la *temo* ne ŝajnas al mi tiom « delikata ».

Juna rusa oficiro enamiĝas je bela nekonatino, kiun li renkontis en ĝardeno. Tio estas tre ordinara okazo. Bedaŭrinde la nekonatino ne estas fraŭlino, sed edzino, kaj — pli bedaŭrinde ! — edzino (kompreneble tre malfeliĉa) de l'guberniestro grafo Volabrinsky. La grafo, jaluza kiel tigro (eble ne malprave) sciiĝas pri la kunvenoj de la geamantoj. Li alvokas la oficiron, lin insultas, konigas al li, kiu estas lia amatino ; la oficiro ribelas kontraŭ la insultojn, eltiras sian glavon ; la guberniestro lin kulpigas je atenco, arestigas, kaj, post ŝajna proceso, lin kondamnigas al Siberio. Feliĉe por la oficiro, por lia amatino kaj por... la leganto, oni arestas ĝustatempe laŭ ordono de l'imperiestro, la teruran guberniestron kiel perfidulon, kiu ĵus vendis planojn de la Sevastopola fortikajo. La grafo sin mortpafas per revolvero. Neniu lin plordomaĝas !

Nur la maloriginalecon mi riproĉos al tiu originala verko. Tamen mi ĝin legis kun vera plezuro, ĉar la detaloj (ne la situacioj) estas ĉarmoplenaj ; kaj, pri la stilo, mi opinias, ke mi ĝin laŭdos sufiĉe, dirante ke, pro la klasikeco, facileco, klereco, flueco, ĝi memorigas tiun de la jusnomita « Kaatje ». Mem juĝu la leganto : La grafino vizitas Konstantin, la amegatan oficiron, en la malliberejo, kaj alportas al li forkurilojn. Sed Konstantin rifuzas forkuri kaj poezie respondas : (Akto III, sc., III) :

Tagiĝas en la oriento, jam...
La suno baldaŭ superŝutos per
Radioj helaj la ĉi tiun flankon
De la terglobo. Varmaj sunradioj
Denove dorlotados tiun neston
Venenigitan, la krimulon kaj
La krimon, ĉiam triumfantajn... Jes,
La sama suno, kiu brilis la
Matenon, kiam mi renkontis vin...
La samaj birdoj ekkantados, kiuj
Ĉeestis nian konatiĝon, kaj,
Kantante sian dolĉan melodion,
Al niaj koroj komprenigis tion, kion
La buŝo ne kuraĝis diri !.. Baldaŭ
Ekfloros, per karesa kiso de
La milda roso, la floretoj, kiujn
Al mi vi montris, klarigante !.. Ne
Restadu tie ĉi... Foriru nun,
Ne senutile vin endanĝerigu.
Sciigu al bravuloj tiuj, ke
Sen mi reiri ili devas...

Ĉu tio ne estas ĉarme verkita ?

Pri la gramatika kaj vortara flanko mi rimarkis kelkajn ne- aŭ mal-korektajojn : P. 10, falitaj (falintaj ; 11, demandas (postulas) ; 12, devis (devas) ; 18, *sen ekscii* ; 26, eĉ vin ne kutimu tro (? ?) ; p. 30, redemandas (repetas) ; 33, kliniĝita (kliniginta) ; 39, 41, 53, 59, 90, haltiĝas (haltas) ; 63, sia (lia) ; 78, 79, ke mi estis (estas) ; 81, du versojn *ses* akcentojn (anstataŭ *kvin*) ; 83, sen aŭdinta esti (ne aŭdinte) ; plie, kelkajn ne korektitajn preserarojn.

**Esperantista Poŝtkalendaro 1912.** — Berlin S. W., 68. Esperanto Verlag Mœller kaj Borel. Prezo : 0,40 Sm.

Tiu nuna eldono de la konata Esperantista Poŝkalendaro redaktita de D-ro Alb. Schramm estas vere tre oportuna kaj riĉenhava malgraŭ la maldikeco de l'142 paĝa libro.

Efektive ne nur ĝi entenas tion, kion oni kutimas renkonti en tiaspecaj verkoj, sed ankaŭ la memorindajn esperantajn datojn — la himnon esperantistan — la deklaracion pri Esperantismo — detalojn pri la kongresurbo Krakovo — notojn pri la fundamento, la Esperantista Centra Oficejo, lingva komitato, Akademio. — Konstanta Komitato de la Kongresoj. — Internacia Reprezentaro (?). — Kongresa Regularo. — Universalaj Kongresoj de Esperanto. — La progresoj de Esperanto kun Skembildo de tiuj progresoj pri Universala Esperanto Asocio. — k. t. p...

Ĝi estas kvazaŭ esperantista enciklopedieto.

Kun emocio mi vidis ĉe la komenco de l'libro la portreton de D-ro Siegfried Lederer, kiun la morto forrabis meze de la preparaj laboroj por la nuna eldono. Lia spirito vivas en tiu kalendaro, kiun D-ro Schramm pie redaktis grandeparte laŭ la de lia amiko proponitaj ideoj. VERTO.

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

**Novaj Grupoj kaj Societoj.** — En *Balakova* (Rusujo) estas malfermita « Balakova Esperantista Societo »; adreso: poŝkesto 19. — K. T.

En *Amiens* (Fanc.), 28 febr., sub la nomo « Amiens'a Junularo Esperantista ». Komitato: S-roj E. Payen (prez.), K. Seigneur (Vic-p.), L. Billet (sekret.), M. Hautecœur (kas.). — B.

En *Freudenberg* apud Kamnitz (Bohem.), Esp. grupo « Verda Stelo ».

En *Parizo*, la Esperantista Socialista Franca Societo (vidu « Alvokoj »).

En *Peterburgo*, dank'al klopodoj de S-roj Privat kaj Nedoŝivin (Kovno), la peterburga esperantistaro ricevis la 20 febr., oficialan permeson fondi societon. — L.

En *Ufa* (Rus.), 7 marto « Esperanta Sekcio » de la Familia-Pedagogia Societo. Prez.: S-ro A. Zavjalov, Profesoro; Vic-Prez., S-ro eks.-inspektoro N. E. Suĥotin; Sekretario, S-ro N. B. Krassovskij. Estas decidite starigi dum Pasko duan ekspozicion kun enirpago, kiu profitos al la tieaj malsatuloj. N. F.

**Novaj kursoj.** — En *Tarnovo* (Galicio, Aŭstrio) du kursoj gvidataj de S-ro L. Kronenberg, kun 30 kaj 50 lernantoj malgraŭ iom alta kotizaĵo. — A. C.

En *Delitzsch* (Prusa Saksujo), dum januaro-marto, gvidata S-ro Superinstruisto H. Schmiedeberg. — H. S.

En *Halle a. Saale* (Prusa Saksujo) post la parolado de S-ro Knoff; 30 partoprenantoj. — H. S.

En *Frankfurt a. M.*, kun 15 partoprenantoj, S-ro Hummel, en la antŭurbo Niederrad, 12 personoj, S-ro Hummel; en la Modernlingva Lernejo, 10 lernantoj, de S-ro Kreutz. — K.

En *Bromberg* (German.), nova kurso kun 21 partoprenantoj. — S.

En *Arden*, unu por komencantoj kaj alia por progresintoj. — D. S.

En *Plzen* (Bohem.), S-ro Tittl, ĉe la « Laborista Asocio Esperantista », 68 partoprenantoj; la Esp. klubo aranĝos kurson por virinoj kaj alian por viroj. — K.

En *Freudenberg* apud Kamnitz (Bohem). post parolado de S-ro R. Horn.

En *Dorking* (Surrey, Angl.), malfermita en The British School, kun 19 lernantoj. — W. M.

**Kunvenoj kaj Festoj.** — La ĝenerala kunveno de la « Societo Esperanto » en *Tarnovo* (Galicio. Aŭstrio) elektis la jenan estraron: Prez. D-ro M. Eberson; vic-prez. S-ro A. Chomet, stud.; sekr., S-ro M. Fluhr, plus ses helpantoj. A. C.

En *Frankfurt a. Mein* (German.). 1 marto, jara kunveno de la Esp., Grupo. La estraro konsistas el S-roj E. Hummel, prez.; C. Barthel, vic-prez.; R. Kreutz, sekr. — K.

En *Parizo*, 4 marto, ĉe la Esp. Mondumaj Kunvenoj, S-ino Diou-Trouillon, vic-prez., elokvente paroladis pri « kompato al bestoj ». Krom Esperantistoj, ĉeestis anoj el diversaj societoj, Teozofio, Ruĝkruco, Bestprotektado, Antivivisekcado, kaj iliaj estroj: S-ro kaj F-ino Bleck, S-inoj Monchonnet, markizo de Breffeilhac, D-ro Foveau de Tourmelles, k. t. p. Dezirinde estus krei internacian Esp. Ligon por Bestprotektado. — D.

En *Bologna* (Ital.), 4 febr., promenado de l'samideanoj al la monto Paderno. Ĉe la kurso de' S-ro Manni la lernantoj ĉiam estas pli ol du-dek. — N.

En *Dorking* (Surrey, Angl.), 5 marto, publika propaganda kunveno organizita de nia Del., S-ro W. Marchand. Prezidis S-ro Harding, prezidanto de l'Urba Konsilantaro. 40 ĉeestantoj.

En *Le Mans* (Franc.), 15 marto sukcesa vesperfesto; pli ol 700 ĉeestantoj aplaŭdis gravan paroladon de S-ro Flogny, licea profesoro, pri Esperanto kaj U. E. A. Favoraj raportoj en la gazetaro. Sekvis koncerto kaj komedieto. — A. A.

**Paroladoj.** — La 21 febr., en *Tarnovo* (Galicio, Aŭstrio). S-ro L. Kronenberg, pri la temo: « Esperanto kaj Esperantismo ». Cent personoj.

En *Wisnič novy* (Galicio) 27 febr., publika parolado de S-ro Kronenberg, pri la sama temo. Kvindek personoj. A. C.

En *Bochnia* (Galicio), 25 marto, de pastro D-ro A. Krasjewski el Zator, pri Esperanto en la nuna tempo. — A. C.

En *Halle a. Saale* (Prusa Saksujo) dum februaro. de S-ro inĝen., Knoff, Esperante kun interfraza tradukado, pri faritaj de li mem lumbildoj de lia vojaĝo tra la insulo Rügen kaj Danujo. — H. S.

En *Frankfurt a. M.* (German.), 22 marto, lumbilda parolado de S-ro Wichert el Berlin pri la lasta kongreso en Antverpeno kaj la venontaj en Zoppot-Danzig kaj Krakovo. K.

En *Burnley* (Angl.), 3 marto, de nia Del., S-ro A. Witham, pri U. E. A., ĝiaj servoj, k. t. p. — H.

En *Bromberg* (German.), bone vizitita propaganda parolado de nia Del. S-ro Szymanowski en la Asocio de Militistaj Aspirantoj, la 3 de marto, sama parolado okaze de bontemplana distrikta kunveno. — S.

En *Plzen* (Bohem.), S-ro D-ro A. Batek aranĝis en ĉambrego de la « Laborista Asocio Esperantista » paroladon pri la signifo de L. I. kaj pri Esperanto. — K.

**Paroladvojaĝo Privat.** — *Birmingham* (Angl.), 12 febr. Lekcio pri Baudelaire (francalingve), antaŭ 50 personoj, ĉe la « Cercle Français », en la Universitato; poste parolado Esperante ĉe la kunvenejo de la Birminghama Societo, pri la vizito al Italujo kaj Rusujo. La 13, lekcio angle al 100 personoj en la Kristana Junula Unuiĝo pri nia lingvo kaj ĝiaj progresoj. Oni vendis kelkajn librojn kaj varbis 19 novajn Esperantianojn. Raportoj aperis en la jurnaloj « Birmingham Daily Post » kaj « Birmingham Daily Mail » sub la titolo: La lingvo de paco. — F. W. H.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — En Danujo, S-ro Parrish paroladis entute 14 fojojn antaŭ 5.000 personoj; li estis en *Aarhus* (Dan.) la 12 marto, 300 personoj; en *Fredericia* (Dan.), 13 marto, 175 personoj; en *Helsingborg* (Sved.), 14 marto, 300 personoj. S-ro Parrish parolados en *Bromberg* (German.) la 18-19 aprilo.

**Regionaj Esperantiaj Kunvenoj.** — *Nancy.* — La regiona kunveno okazis la 1. Marto. La Del., raportis pri sia agado kaj lastaj interesaj faktoj koncernantaj la laboron de U. E. A. La raporto estas unuanime aprobita.

---

## KRAKOVAJ KONGRESOJ

### Literaturaj konkursoj de la Oka Kongreso en Krakovo

La tradiciaj Kongresaj literaturaj konkursoj aranĝataj ĉiujare estas tre bonidea, ofte fruktoporta kaj ĝenerale subteninda organizaĵo. Ili estas kvazaŭ tutmonda ekzameno de niaj spiritaj kaj kapablecaj fortoj aŭ scioj; partopreneblaj por ĉiuj senescepte — ili ofte aperigas kaŝitajn talentojn ĉu en senco de literatura originaleco, ĉu de traduk-arto.

La Redakcio de « Pola Esperantisto » konsentante kun la propono de la Organiza Komitato de la Oka, surprenis la taskon organizi nunjarajn konkursojn kaj interkonsiliĝinte kun la Organiza Komitato komencis la organizon, starigante ĉi-subajn temojn kaj premiojn:

#### 1. Prozajo beletristika

Konsistanta el minimume 5.000 vortoj; la aŭtoroj estas tute liberaj elekti temon por la verko.

La minimumaj premioj, garantiataj de la Kongresa Komitato de la Oka, estas :

La unua premio : 65 Sm. — La dua premio : 35 Sm.

La ambaŭ premioj estas eventuale pligrandigotaj de oferdonacoj proporcie dividotaj.

### II. Poeziajo

Temon ni tute lasas al la inspiro de aŭtoroj. La poeziajo devas esti minimume 24-versa.

La minimumaj premioj, garantiataj de la Kongresa Komitato, estas :

La unua premio : 30 Sm. — La dua premio : 20 Sm.

La ambaŭ premioj estas eventuale pligrandigotaj de oferdonacoj proporcie dividotaj.

### III. Scienca disertacio

La verko devas esti pure scienca (literaturo aŭ historio estas esceptitaj).

La minimumaj premioj, garantiataj de la Kongresa Komitato de la Oka, estas :

La unua premio : 65 Sm. — La dua premio : 35 Sm.

La ambaŭ premioj estas eventuale pligrandigotaj de oferdonacoj.

### Ĝeneralaj rimarkoj

1· Ĉiuj verkoj devas esti originalaj.

2· Ĉiuj verkoj devas esti skribitaj legeble, nepre fremdamane aŭ maŝine kaj porti *moton* aŭ *pseŭdonimon* de l'aŭtoro ; la nomon oni devas almeti en fermita koverto, signita per la sama *moto* aŭ *pseŭdonimo*.

3· Ĉiuj verkoj devas esti senditaj al la Redakcio de *Pola Esperantisto*, Varsovio, Wlodzimierska, 8.

4· La lasta templimo por ĉiuj verkoj estas *15 de Junio — 1912*.

5· La premiitaj verkoj restas propraĵo de la laŭreatoj. Nepremiitajn verkojn oni resendos nur sub la kondiĉo, ke la aŭtoroj kompensos la poŝtelspezojn.

---

Por starigo de premioj « P. E. » akceptas oferdonacojn kaj tial la Organiza Komitato petas ĉiujn esperantajn societojn, asociojn, gazetojn, entreprenojn kaj bonvolemajn privatajn esperantistojn subteni la aferon de la konkursoj kaj sendi monoferon al ni kun klarigo por kiu temo la oferdonanto sendas la monon.

Eĉ plej malgrandaj sumoj (en poŝtmarkoj aŭ respondkuponoj) estos dankeme akceptataj kaj citataj en listo de oferdonacoj.

Oni memoru, ke *dufoje donas, kiu rapide donas.*

### Rektifio

La Organiza Komitato de la Oka Kongreso komunikas al ni, ke la noto aperinta en N-o 118 de nia gazeto, paĝ. 60, sub titolo « Antaŭ kongresa informo » kaj kun la subskribo de S-ro Kronenberg, tute ne devenas de la dirita Komitato, kiu protestas kontraŭ ĝia enhavo.

---

## Speciala vagonaro al la Oka Kongreso

U. E. A. intencas aranĝi specialan vagonaron al la Oka Kongreso kaj komisiis la subskribinton intertraktadi kun la koncernaj fervojoj. Ĝis nun mi povas doni la jenajn provizorajn informojn :

Speciala vagonaro forironta el Basel (aŭ Zürich, aŭ *München*) povos esti aranĝata se ĝin uzos almenaŭ 150 personoj. En tiu okazo la kosto estos jam iom pli malalta ol por persona bileto. Sed se ĉeestos pli da pasaĝeroj, ekzemple 200 aŭ 250 la kostoj grave plimalaltiĝos. Por provi plue interrilati kun la ŝtataj fervojoj, estas antaŭ ĉio necese, ke ĉiuj intencantaj partopreni la kongreson kaj vojaĝi tra *Basel, Zürich* aŭ *München* (en la laste nomita urbo okazos la antaŭkongreso), do *ĉiuj kongresanoj el Hispanujo, Francujo, Anglujo, suda Germanujo* kaj *Italujo tuj* informu min pri tio. Tuj kiam ni scios la proksimuman nombron, ni povos doni detalajn informojn pri la prezo ktp. kaj povos kolekti definitivajn aliĝojn. Samtempe oni estas petata diri, ĉu oni intencas iri kaj reveni per la speciala Vagonaro kaj kiun vojon oni deziras. Proponita estas la vojo : *München, Salzburg, Wien, Krakovo, Wien, Innsbruck, München* (Zürich). Oni povos eniri aŭ eĉ forlasi la vagonaron en iu ajn trapasota urbo, se oni tion diros ĉe la mendo de la bileto.

Ĉiu kongresano, kiu povos veturi tra *München* estas urĝe petata tuj skribi poŝtkarton pri tio kaj aldoni siajn specialajn dezirojn al S-ro *Schmid Distrikta Del. de U. E. A. en Berno* (Svislando), kiu en ĉi tiu ĵurnalo kiel eble plej baldaŭ donos ĉiun dezirindan detalon pri tiu grava entrepreno. —

J. S.

*Grava rimarko.* — La Del. de U. E. A. estas petataj kolekti la nomojn de la personoj de sia urbo, kiuj *intencas* veturi al Krakovo.

*La Esperantaj gazetoj estas tre petataj represi la supran alvokon.*

---

## DIVERSAĴOJ

.˙. *Prove.* — La 29 febr., Esperanto faris sian unuan oficialan paŝon en Nederlando. Kvankam la peto de la Esp. Hagaj grupoj, enkonduki nian lingvon en urban komerclernejon ne estas favore akceptita de la urbestraro, tamen la urbkonsilanto Kapitano Thomson, deputito de la dua Ĉambro, tiel fervore defendis la peton, ke oni voĉdone decidis, prove enkonduki Esp. en la ripet-instruadon de Hago. — N. B.

.˙. *Monhelpoj.* — La Ĝenerala konsilantaro de Bouches-du-Rhône (Franc.) konsentis al la grupo en *Marseille* monhelpon da 20 Sm. por 1911. Aliparte la Urba Konsilantaro de Marseille ĵus informis la grupestron, ke estas konsentita monhelpo da 20 Sm. por 1910 kaj tiom por 1911. Sume, 60 Sm. — G. P.

.˙. *Ne forgesu ĝin !* — Nia Del. en Utrecht, S-ro Ollefen, eldonis propagandan broŝuron, en kiu troviĝas bonega artikolo pri U. E. A., en *holanda* lingvo.

Baldaŭ aperos en *pola* lingvo la unua N-o de la « Biblioteko por propagando de Esperanto en Polujo » ; verkita de nia Del. en Bochnia, S-ro L. Drojecki, ĝi enhavos ĉapitron pri U. E, A. kaj ĝia signifo.

.˙. *Gvidfolioj.* — Kvarpaĝa gvidfolio de *Spa*, la konata banloko de Belgujo, ĵus aperis. Tiu gvidfolio, eldonita sub la aŭspicioj de U. E. A. en mondformato, enhavas plie bele ilustritan kovrilon.

.˙. *Esperanto dum la Sevilla foiro.* — Okaze de la famkonata foiro de Sevilla (Hispanujo) dum la 18-a kaj sekvantaj tagoj de Aprilo, la loka Esp. grupo, sub la aŭspicioj de U. E. A., starigos belan budon en la foirejo, kie niaj geesperantianoj dancos, babilos kaj kantos nur Esperante. Ĝi estos akceptejo de ĉiuj Esperantistoj, kiuj vizitos nin, el kiu ajn lando. Oni klopodos por ke la fremdaj samideanoj renkontu malkaran kaj komfortan loĝejon. Starigo de karavano al Sevilla estas dezirata. La fervojoj konsentas rabaton da 60 0/0 ir-reire. Por ĉiuj informoj sin turni al S-ro T. Soriano, Del. U. E. A., Calle Espiritu santo 21, Sevilla.

.˙. *Cook kaj Esperanto.* — La marta N-o de *The Traveller's Gazette* la grava organo de la mondfama vojaĝagentejo Cook & Son (Esperantia Entrepreno), publikigis la anglan tradukon de la listo de la diversaj okazontaj internaciaj kongresoj kaj festoj, kiun ni regule aperigas en *Esperanto*. Ni instigas niajn Del., ke ili traduku la diritan liston kaj ĝin sendu al la lokaj gazetoj de sia regiono. Malsupre de la listo oni nepre aldonu : « Tradukita el *Esperanto*, oficiala organo de U. E. A. »

## TRA LA GAZETARO

.˙. *Lingvo internacia* (marto). Sub titolo : *Batalo por la vivo* (Th. Cart.) :

« ...Sufiĉe klare ni certigis tie ĉi, ke Esperanto estas lingvo kaj *nur* lingvo, ke ĝin ni propagandas kaj devas propagandi nur kiel lingvon, ke Esperantisto estas ĉiu homo, kiu simple uzas la lingvon de l'*Fundamento*, por ke neniu nin malkomprenu ; sed tiu ĉi lingvo estas internacia, tutmonda, homara lingvo kaj, inter ĉiuj agentoj, kiuj preparas la estontan, homaran, — sed samtempe tute ne kontraŭnacian, kontraŭfamilian, kontraŭindividuan, — konsciencon, ĝi estas unu el la plej potenca. En tiu senco la venko de Esperanto estos, kiel ofte ni ripetis, kvankam nur lingvo ĝi estas, io alia ol nura lingva venko... »

.˙. *Pola Esperantisto* (marto). Sub titolo : *Pri Centra Esperanta Organizo* (N. Ĥristoskoff) :

« ...Pri la ideala flanko de nia afero mi ne volas paroli, kaj certe ĉiu esperantisto, ĉe propagando de Esperanto, devus eviti tro insisti pri ĝi. Venos tempo, kiam ni, fininte nian taskon pri la oficialiĝo de Esperanto, eble okupos nin ankaŭ pri Esperantismo. Dume, ni disvastigu nur Esperanton. U. E. A. estas parte bazita sur Esperantismo kaj tio sufiĉas, sufiĉegas. Alia internacia organizaĵo, flanke de U. E. A. estos nepre ruiniga por la lasta aŭ ambaŭ iĝos reciproke ruinigaj... ».

.˙. *Ondo de Esperanto* (marto). *Pri Centra Organizo* (D-ro A. Fiŝer) :

« ...Jen do kion ni bezonas por fortikigi kaj firmigi nian aferon ! Ĉio, kio organizas kaj plivastigas la internaciajn rilatojn per Esperanto, estas nia sole urĝa bezono, meritanta nian plejan atenton kaj subtenon... »

De B. K. :

Mi mem ekz. estas sincera Esperantiano, kaj mi supozas, ke la Antverpenaj kongresanoj ankaŭ estis plimulte Esperantianoj. Mi opinias tamen, ke bona Esperantiano povas kaj devas samtempe esti partiano de « centra organizo », se la lasta celas bonon de Esperanto kaj ne minacas kontraŭ U. E. A.... »

.˙. *Finna Esperantisto* reaperas post kelkmonata interrompo ; ĝia apero estas certigata por du jaroj dank'al la kreo de speciala garantia kapitalo.

Pri *Centra organizo* (N. Ĥristoskoff). *Danubo* (febr. 1912).

« ... De kie havigos al si la monon la centra organizo? Ĉu el kotizaĵoj, el tre malaltaj, eĉ mizeraj kotizaĵoj de kelkmilaj (eble) liĝontoj ? La naciaj societoj ne povos helpi, ĉar ili ĉiujare havas sufiĉe da deficitoj. Sed ni pripensu ankaŭ, ke la C. Organizaĵo, kun sia C. Of. kaj oficistoj havos sufiĉe grandegajn elspezojn, kiujn eĉ triobla kotizaĵo ne povus kovri (oni nur kontrolu la nunan C. O. ! Alie staras la demando kun la modesta Centra oficejo de U. E. A.— Ĝi mem perlaboras sian vivipovon. Ĝuste ĉi tie mi diros, ke plej prudente plej utile estus kunfandi la nunan C. O. kun tiu de U. E. A. kaj ke tiu unu C. O. estuen Ĝenevo. — Viva devas kaj meritas esti tenata nur la L. K. kun ĝia Akademio. Sed ĝi mem povos sin teni viva, t. e. ĝi per si mem vivos kaj ne necese estas krei, sub preteksto por ĝia subteno, maltrankviligantan centran organizajon. Ĉu el kongresaj kotizaĵoj oni ne povus ŝpari monon ?... »

*Le Monde Espréantiste* (marto 1912). Sub titolo *Diversaĵoj* (L. Lamant).

« ...Ni ne enkatenigu nian movadon. Ni ebligu kontraŭe al la jam ekzistantaj kaj al la estonte fondotaj societoj, ke ili moviĝu tute libere. — Jam ni havas en U. E. A. elprovitan Asocion, kiu liveras al ni ŝatindajn servojn. Nia unua devo estas fari nenion kontraŭ ĝi. Ĝi bone funkciadas. Rekte aŭ malrekte ni ne malplifortigu ĝin. — Al ĝi iras la internaciaj homoj. Kial ni kreus apude novan organizaĵon ? Ĉu tiu bezono montriĝis ? Tute ne. — Niaj grupoj restu nacie organizataj, sed ili ne ligiĝu internacie. Ekzistas inter ili morala ligilo. Ĝi estas la plej bona el ĉiuj. Ilia tasko ne povas esti ĉie samtempe kaj sammaniere plenumata... »

.˙. En la *Nederlanda* gazetaro aperas ĉiumonate proksimume 100 artikoloj aŭ informoj pri Esperanto. Tiu rezultato venas el la 500 Esp. bultenoj (nacilingve) ĉiumonate dissendataj kun peto pri represado.

.˙. *Dziennik Tarnowski* (Tarnovo, Galicio) enpresis longajn artikolojn pri nia afero. — Ch.

.˙. En *Le Journal* (Parizo), 17 marto, favora artikolo de la fama verkisto Victor Margueritte.

.˙. *Ostjallands Folkeblad* la plej grava gazeto en Kœge (Danujo) enpresis pri U. E. A. mallongan artikolon de nia Del. S-ro Moesgaard, okaze de la parolado de S-ro Parrish, favore raportita ankaŭ en aliaj tieaj gazetoj.

.˙. *Orienta Azio* estas la nomo de nova Esp. japana gazeto, kun kuriozaj desegnaĵoj. (Adr. Ousaki-maĉi, Ebaragun, Tokio).

.˙. En Kaliŝ (Rusa, Polujo), *Kurjer Kaliski* diversfoje enpresis longajn artikolojn pri Esperanto.

.˙. *La Mondo*, informilo de Ĥina Esperanto-Asocio, senpaĝe enpresas konstantan anoncon pri U. E. A., en Esperanto kaj ĥina lingvo.

.˙. *Essener Allgemeiner Beobachter* (Essen, German.) 5 kaj 12. febr. artikoloj de nia Del. S-ro F. Pillath.

.˙. *Scheizerische Bürger Zeitung* (Zürich, Svisl.) enhavas Esperanto-angulon ; n° de 13 febr. : Progresoj de Esp. en Svisujo ; bibliografio ; humoraĵoj.

.˙. En *Le Journal du Creusot* (Franc.) 22 febr., en franca lingvo : « La novaj servoj de U. E. A. » (Virina, Laborista, Interŝanĝa.)

.˙. En *Gloucestershire Echo* (Anglujo) 15. febr. precipe pri U. E. A.

.˙. En *Le Bien Public* (Bruselo, Belg.), 12 febr. varma pledo de Abato Richardson por nia lingvo.

.˙. En *Le Quotidien du Midi* (Avignon, Franc.) 7 febr , longa artikolo pri U. E. A.

.˙. *Zierikzeesche Nieuwsbode* (Zierikzee, Nederl.) 5. febr. artokolo de Del. C. Ch. Droogendijk pri U. E. A.

.˙. En *The Mail* (Dublin, Irlando) 2 febr. pri la donaco de S-ro Michelin.

.˙. En *The Clarion* (Londono) 9 febr. : « U. E. A. kaj Laborista Bulteno ».

.˙. The *Christian Commonwealth* (Londono) ĉiusemajne enhavas Esp. Angulon. Adreso : 133, Salisbury Square, Fleat Str. London E. C. (Grava brita organo).

.˙. En *The Irish Times* (Dublin, Irlando) 2 febr. raporto pri parolado de D-ro Ball en la Dublin'a Universitato.

En *Slowo Polskie* (Przemijsl) 25 jan. : unu el tiuj malsprite akraj artikoloj, kiajn ni ankoraŭ kelkfoje renkontas ĉi tie kaj tie.

.˙. En The *New Zealand Herald* (Nova-Zelando) 17 jan. pri paroladoj de S-ro Hodges.

.˙. En *La Guerre Sociale* (Parizo) 5 febr. senpartia raporto pri la paroladoj en la Bourse du Travail : S-ro Aymonier pri Esp. kaj S-ro Papillon pri Ido.

.˙. *Il Piccolo della sera* de la 5-a., *Il Corriere Adriatico*, *L'Indipendente* de la 6-a., *L'Emancipazione* de la 9-a., *L'Amico* de l'10-a., de l'k. m., gazetoj de Trieste ; *Il Giornaletto*, *L'Istria Socialisto* de la 9-a. ; gazetoj de Pola raportas pri la sukcesoj de l'esperanta kurso en Capodistria kaj pri la simpatiaj manifestadoj faritaj al samideano Demetrio Cossaro. *L'Illustrazione Adriatico-Trentina* de Trieste, (10 marto) laŭdas la urbestron de Capodistria S-on Sardotsch, kiu promesis helpi l'esperantismon *La Ricreazione* de la 16-a., marto publikigis la ĉi suprajn raportojn kun la portreto de nia Majstro kun unu el liaj aŭtografoj kaj la portreto de samideano S-ro Demetrio Cossaro.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Elekto de novaj Delegitoj.**

En multe da lokoj nia Asocio ne estas ankoraŭ reprezentata, kvankam nia gazeto posedas tie fervorajn abonantojn. La personoj, kiuj estus pretaj akcepti la taskon de Delegito en iu loko, kie U. E. A. ne ankoraŭ havas reprezentanton, estas petataj sin turni al ni por ricevi la necesajn informojn.

**Danko.**

Sekve de nia alvoko al la Delegitoj ni ricevis por la rondirantaj ekspozicioj multe da ilustritaj poŝtkartoj. Ĉar ni ne povas danki al ĉiu aparte, ni esprimas ĉi tie nian ĝeneralan dankon al la afablaj sendintoj.

C. O. de U. E. A.

**Oficiala skribmaterialo.**

Novaj oficialaj leterpapero kaj kovertoj estas nun eldonitaj. Ili estas presataj dukolore kaj enhavas la novan kliŝajon. kiu de nun retroviĝos en ĉiuj Esperantiaj dokumentoj (terglobo kun stelo kaj la literoj U. E. A.) Tiu skribmaterialo, kies uzado estas rekomendata al ĉiuj niaj reprezentantoj kaj membroj, estas vendata kiel antaŭe, t-e :

*Leterpapero*, 100 ekz. Sm. 0,75.
*Kovertoj*, 100 ekz. Sm. 0,60
*Poŝtkartoj*, 100 ekz. Sm. 0,75.

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 20 Marto estas enkasigitaj de la centra Kaso de U. E. A. 6.414 kotizajoj por 1912. (Je 1. marto 6212) 167 subtenantoj.

Lastan monaton la jenaj regionoj atingis pli ol 20 membrojn : *Charlottenburg, San Feliu de Guixole* ; pli ol 50 *Barcelona, Berlin.*

*Fakaj membroj :*

*Interŝanĝa Fako* : 301 ; *Laborista Fako* : 57 ; *Virina Fako* : 102.

**Subtenantaj membroj** (7-a listo) :

158 N. Moesgaard (Koge), 159 L. Grieve (Stirling) ; 160, Ed. C. Reed (Washington) ; 161, M. Jannasch (Leipzig) ; 162, L. Kærgel (Leipzig) ; 163, A. Smirnov (Moskvo) ; 164, G. Smirnov (Moskvo) ; 165, El. M. Grineva (St-Petersburg) ; 166, Fairman (London) ; 167 J F. Fernandez (Matanzas)

**Donacoj.**

*De 1 Novembro, 1911, ĝis 1 Marto 1912.*

S-roj : Gelibter Sm. 1.32, Dooremaal Sm. 0.32, Schneider Sm. 0,36, Allavena Sm. 0,96, Deas Sm. 0,85, Zajcev Sm. 0,24, Hug Sm. 0,40, Esperantista Grupo Calais Sm. 4.00, Yemans Sm. 5,00, Martin Sm. 0,60 Trjicinskij Sm. 1,00, Karsch Sm. 0,24, Jæhne Sm. 0,40, Gospodinov Sm. 0,50, Sleilfers Sm. 1.00, Oliveira Sm. 0,76, Pohusta Sm. 1,00, Schulz Sm. 1,40. Bacquet Sm. 2,26, Entute Sm. 22,61.

**Honora membraro.**

Sir *George L. Hunte*, G. C. M. G., guberniestro de la insulo Trinidad, laŭ propono de nia prezidanto, bonvolis fariĝi Honora Membro de U. E. A.

**Novaj Del. Vic. kaj Subdel.**

Auerbach (Germanujo, Saksujo). — VD. : Walter Engelhardt fabrikdirektoro, Kaiserstrasse 30 I.

Besançon (Francujo, Doubs). — D. : Jh. Bevalot, ekspertgeometro, rue de Vittel N-ro 12.

Bozen (Aŭstrio, Tirol). — VD. : Adof Johannes, Erzherzog Heinrichstrasse 1.

Braga (Portugalujo). — D. : Geronymo Emiliano da Fonseca da Rocha Salqueiro, juraalisto, Rua da Boa Vista n-o 61.

Gaussig (Germanujo, Saksujo). — D. : Emil Wahode, instruisto.

Gérardmer (Francujo, Vosges). — D. : Pauline Mercier, instruistino, 26, rue du Lac.

Hartha (Germanujo, Saksujo). — D. : Bruno Müller, komercisto, Hinkelstr. 12.

Heliopolis-Kairo (Egiptujo). — D. : D-ro Henaiko Ŝipek, kuracisto, Oaze Heliopole, vis-à-vis de Palace Hôtel.

Honolulo (Hawaii-insuloj). — D. : Frieda Hadlich, Mrs Rud. Büchly.

Horseus (Danujo). — D. : Svend Aae, kapitano, 24 Torset.

Ilkley (Anglujo, Yorkshire). — D. : William Francis Lawrence, fervoja oficisto, 7, Belvoir Terrace.

Kacay Ivanoskij Zavod (Rusujo, Ufa). — SD. : N. D. Ĉijov, inspektoro de l'lernejo.

La Escala (Hispanujo, Gerona). — SD. : Jose Ximinis Guri, fabrikisto.

Mauguio (Francujo, Hérault). — D. : Etienne Paulet, farmaciisto, Place Hôtel-de-Ville.

Mylau i. V. (Germanujo, Saksujo). — D. : Georg Streid, instruisto, Gollestrasse. — VD. : Clemans Bernhardt, instruisto, Haŭbnerstrasse.

Oelsnitz i. V. (Germanujo, Saksujo). — D. : Arno Hartenstein.

Opatowek (Rusujo, Kaliŝ gob.). — SD. : N. Pinczewcki.

Plauen i. V. (Germanujo, Saksujo). — D. : P. Neubarth, komercisto, Weststrasse 34-II.

Podebrady (Aŭstrio, Bohemujo). — D. : Karl Müller, oficisto.

Rodewisch i. V. (Germanujo, Saksujo). — D. : S-ro Nauck, bankestro.

San Cristobal (Venezuelo). — D. : Marcelino Hermandez Mantilla, librotenisto, Estato Tachiro.

Schwandorf (Germanujo, Oberpfalz). — D. : Ignatz Hock, fervoja sekretario.

Torquai (Anglujo, Devon). — D. : H. B. Hyams, arkikto, 15 Palace Av. Paignton.

Vinohrady (Aŭstrio, Bohemujo). — D. : Adolf Kasparek, adj. d. i. r. ŝtataj fervojoj. Ĉelakovske ho ul 35.

Wehlau (Germanujo, Ostpreussen). — D. : Hans Bensing, bankoficisto, Klostrstrasse 4.

Zirndorf (Germanujo, Mittelfranken). — D. : Johann Herzog, tornisto, Nürnbergerstrasse 84.

**Ŝanĝoj.**

Baltimore (Usono, Maryland)). — D. : Paul Hoffman, 21, E. Mt. Vermon Place

Duisburg (Germanujo, Rejnlando). — D. : Ch. Sewing, Neudorferstr. 213.

Hamburg (Germanujo, Hamburg). — D. : Albert Boffmeister, eksportagentejo Reutzelstr. 7. Hamburg 13.

Hartford (Usono, Connecticut.). — D. : C. V. Rudolph Hilding, Room 79, Goodwin Bldg.

Kairo (Egiptujo). — D. : Wahbe Elissa, advokato, rue Kasr-el-Nil 19.

Leipzig (Germanujo, Saksujo). — VD. : A. Petzold, fervoj-oficisto, Kœnigst.. 4-III.

**Korektoj.**

Charleroi (Belgujo). — D. : Lambert Delvaux, prof. en la reĝa Ateneo, 10. Bd. Joseph II.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Charleroi (Belgujo). — Karloreĝa Grupo Esperantista. Sidejo : Hôtel de l'Espérance, Place de la Station, k. : merkrede je la 8-a vespere.

Magdeburg (Germanujo). — Presejo de Paul Gœring, Lübeckerstrasse 10.

Rio de Janeiro (Brazilujo). — Aŭtomobilista Lernejo. Dir. : D-ro Jose N. da Rocha Miranda, r, Constituiĉao 14.

Rio de Janeiro (Brazilujo). — Brazila Esperantisto. Monata revuo. — Oficiala organo de Brazila Ligo Esperantista. Red. : Av. Rio Bronco 153 (2º andar).

Rio de Janeiro (Brazilujo). — Brazila Ligo Esperantista. Sid. : Av. Rio Branco 153.

Rio de Janeiro (Brazilujo). Brazila Klubo Esperantista (86 anoj). Adr. : Rio Branco 153 (2º andar).

Ufa (Rusujo). — « Esperanta Sekcio » ĉe Familia Pedagogia Societo. Adr. : Centralnaja str. 20.

# Esperantia Parolejo

### Por faciligi la statistikon de la servoj

Estas kompreneble tute dezirinde, ke la raportoj de la Delegitoj pri statistikoj estu tiel ĝustaj kiel eble. Redaktante sian resuman raporton je la jarfino, ne estas konsilinde ke la Delegito fidu al sia memoro au eĉ al serĉado aŭ tralegado de siaj dokumentoj. La memoro kelkfoje nin trompas kaj dokumentoj ne estas ĉiam troveblaj kiam ni bezonas ilin. La metodo, kiun mi konsilas (kaj mi trovas ĝin tre utila) estas, ke ĉiu Delegito konservu taglibron, en kiun li devas noti, tagon post tago, kiel ili fariĝas, la servojn de li faritajn por U. E. A., la leterojn ricevitajn kaj forsenditajn, vizitantojn akceptitajn kaj aliajn devojn plenumitajn. Laŭ tiu ĉi agadmaniero nenia faritaĵo perdiĝos, kaj ne povas esti ia dubo, ke kiam la delegito faros sian jaran raporton, la statistikoj estos senEraraj, senmankaj kaj absolute fidindaj. Mi esperas ke la sistemo aludita sin prezentos favore al miaj kolegoj.

Elias Malloch,
(*Del. Edinburgo*).

### Oni Proponas !

∴ S-ro N. Foss, Del., *Ufa*, ke : Oni ĉiam presu en *Esperanto* noton por atentigi en kio konsistas la tasko de Del. ; *b*) Oni publikigu statistikajn informojn pri la nombro kaj disvastiĝo de la abonantoj de *Esperanto* ; *c*) la sigelmarkoj de U. E. A., estu pli belaj.

(Respondo : La propono *A* estas efektivigita en tiu N-o ; propono *B* estus realigebla nur unu fojon jare, pro la tempo, kiun postulas statistikaj kalkuloj ; pri propono *C*, alia modelo de sigelmarko estos farata nur post elĉerpiĝo de la nuna. Projektojn por ĝi ni volonte ricevos. Dir.).

### Oni laŭdas

∴ *S ro Schulz*, Del. en Kassa (Hungarl.) esprimas ankaŭ en la nomo de siaj kolegoj kaj de l hungarlandaj ŝtataj matrikulistoj (oficistoj de la civilaj registroj) sian koran dankon al S-ro Abato *Richardson* (Bruselo), S-ro *J. Schmid* (Brno), S-ro *U. Masi* (Bologna), S-ro *E.-J. Nicolaü* (Bukuresti), S-ro *R. Podier* (Le Puy) kaj *M. Zetzsche* (Dresden) pro la ricevitaj informoj pri organizo de l'civilaj registroj kaj kondiĉoj de la ŝtataj oficistoj de tiu fako. Li ne povas sendi la promesitan poŝtkarton el Budapeŝto, ĉar la farota enketo fariĝis superflua pro intertempa plenumo de ĝiaj celoj.

# Fakaj Societoj

### Unuiĝo de Esperantistoj Vegetaranoj

*Nekrologieto de F-ino A. Ŝmidt, rusa vegetaranino*

La 31-an de oktobro 1911 ĉe la marda tekunveno de Moskva Vegetara S-to ĝia prezidanto P. Virjukov faris komunikon pri la vivo de maljuna rusa vegetaranino M. A. Ŝmidt, okaze de jus ricevita telegramo pri ŝia morto Filino de moskva profesoro, ŝi havis oficon de klasa observistino ĉe Knabina Instituto (Internejo).

Kune kun amikino kolegino ŝi estis granda admirantino de literatura talento de Z. N. Tolstoj. Edukitaj en ortodoksa eklezio la du klasaj observistinoj estis sincere religiemaj. Aŭdinte, ke Z. N. Tolstoj skribis verkon pri la Evangelio ili ekdeziris ĝin legi. Ne trovinte la verkon en la librejoj ili vizitis la domon de Z. N. Tolstoj en Moskvo kaj petis de li mem.

La legado multe ŝanĝis sian komprenon pri la laŭreligia vivmaniero, kaj ili ne povis plu resti ĉe la Instituto. Ili forveturis Kaŭkazon kaj provis labori en tolstojana kolonio apud Soĉi, ĉe Nigra maro.

Sed diversaj cirkonstancoj devigis forlasi tiun lokon kaj aĉeti malgrandan terpecon en Ovsjannikovo, bieno de S. A. Tolstajes apud Jasnaja Polana. Tie M. A. Ŝmidt vivis pli ol 30 jarojn, kulturante berojn por vendado, vendante ankaŭ lakton kaj buteron de siaj 2 bovinoj. Intertempe ĝi multe sin okupis, kopiante diversajn verkojn de Z. N. Tolstoj kies personajn interrilatojn ŝi ankaŭ estis multe ĝuanta. Post lia, morto ŝia dometo kun multaj ankoraŭ nekonitaj manuskriptoj kaj leteroj de Z. N. Tolstoj forbrulis kaj ŝi mortis jam en nova dometo. Moskvaj amikoj vegetaranoj ŝin enterigis sen ekleziaj ritoj en la ĝardeno, kultorita de ŝi. La enterigon ĉeestis granda amaso da rusaj kamparanoj ŝiaj najbaroj.

A. Ŝ.

### Internacia Esperantista Policasocio

La Polica klubo Esperantista de Paris, kiu, en la nomo de Internacia Esperantista Policasocio, celas propagandi la Zamenhofan lingvon en la diverslandajn policrondojn, insiste petegas ĉiujn esperantistajn policistojn, ke ili sin konigu.

Por ricevi pli bonan sukceson, ĝi petas la instigon de la bonvolema oficiala funkciularo de U. E. A. ; al la novaj skribontaj samprofesiuloj, estos sendata specimeno de Internacia Polica Bulteno, privata organo de la policaj societoj kaj izolaj esperantistaj policistoj.

Oni sin turnu al :

Polica Klubo Esperantista, 2· Brigade, Préfecture de Police, Paris.

# Alvokoj

### Socialismo kaj Esperanto

La 25-an de februaro naskiĝis nova esperantista grupo : la *Esfio*, Asocio de la francaj socialistoj esperantistaj.

La celo de la Esfio estas propagandi la Zamenhofan lingvon inter la anoj de la Socialista Partio (S. F. I. O.), ĝis Esperanto estos uzata oficiale por la rilatoj internaciaj, korespondado, Kongresoj, gazetoj, k. t. p.; por esti membro de la Esfio oni devas aparteni al la socialista Partio.

La Pariza grupo de la Esfio enhavas jam tridek membrojn ; aliaj grupoj estas nun formitaj en Francujo kaj interligiĝos federacie. La Esfio interrilatiĝos kun la similaj societoj jam ekzistantaj en Anglujo kaj Germanujo ; kaj kunfederacie tiuj societoj agos por krei samajn societojn en aliaj landoj. La Internacia sekretario estas la regnano Aermane, rue Toullier, Paris (5-e).

La Esfio propagandos nian lingvon en mediojn kie ĝis nun ĝi ne sukcesis penetri, kaj jam ni sendis al multaj kamaradoj informojn pri la lingvo mem, la lernolibrojn, la gazetojn, k. t. p.

Ni do esperas ke ĉiuj membroj de la socialista Partio, esperantistoj aŭ aprobantoj de Esperanto, enskribiĝos al nia grupo. La sciigojn sendos la sekretario Senrono, 36, rue Milton, *Paris* (9-e).

La proksima kunveno okazos la dimanĉon 17-an de marto, en la Maison Commune, 49, rue de Bretagne (3-e) ; kaj ĉiumonate, en la sama loko, la 3-an dimanĉon.

### Enketo pri la uzo de Esperanto

Dezirante fari statistikan kompiladon pri la uzo de Esperanto por prezenti raporton ĉe la Amerika Esp. Kongreso (Boston, julio 1911), mi petas, ke ĉiu Esperantisto havanta informon pri la nuna komerca aŭ scienca utileco de Esperanto, sendu ĝin al mi.

G. W. Lee, prez., de Bostona Esp.-Societo,
147, Milk Str., Boston.

### Internacia Korespondado

Ĉiuj konsentas pri la nepra utilo kaj neceso de l'korespondado por la Esperantistoj. Sed multaj hezitis pro la vera malfacilo trovi unu aŭ du seriozajn korespondantojn. Ni nun proponas novan sistemon, kiu jam bone funkcias. Ĉiu persono deziranta korespondadi nur bezonas sendi al ni kun internacia poŝta respondkupono sian adreson laŭ la jena ordo : familia nomo, antaŭnomoj, profesio, strato, urbo, provinco, regno. Se iu deziras plurajn adresojn, li

sendu plurajn respondkuponojn. Tiamaniere oni estas certa ricevi seriozajn korespondantojn. La leteroj estu adresataj al la :

Lyon'a Esperantista Hejmo
78, rue de l'Hôtel-de-Ville, Lyon (Franclando)

Ni bedaŭrinde ne povos respondi al la petoj sen respondkupono.

L. P.

### Ni praktike provu Esperanton

De tempo al tempo en nia urbo estas aranĝataj bazaroj kaj ĝardenfestoj, ĝenerale por subteni per la enspezita mono aferojn de komuna intereso. Tamen la rilataj prezentadoj ne plu allogas sufiĉe multnombran publikon pro manko da novaĵoj. Certe multaj alilanduloj interesiĝas pri tia temo kaj ilin mi petas, bonvole letere informi min pri en ilia lando kutimaj kaj efikaj ludoj, spektakloj, elmontraĵoj, ŝercoj, k. t. p., aranĝataj okaze de ĉi supre cititaj festetoj. Mi respondos pritraktante tiajn en nia regiono okazintajn prezentadojn.

F. Schwarz,
Schœnaustrasse, N-o 8, *Thun* (Svislando).

### Internacia Ekspozicio en Belgujo

Ĝi okazos en *Gand* de majo ĝis oktobro 1912. Por ĉiuj informoj pri ĝi samideanoj sin turnu al mi. La Organiza Komitato dissendos cirkulerojn, kaj estos klopodate, por ke ĝi akceptu la servojn de U. E. A. Oni aranĝos ankaŭ « Esperantan Semajnon » kaj zorgos, ke Esperanto okupu bonan lokon. Aliaj informoj ĝustatempe aperos ĉi-tie.

H. Petiau,
Boul., Saint-Liévin, 60, *Gand* (Belg.).

### Al dentkuracistoj kaj aliaj

La dentkuracistaro de Germanujo ekinteresiĝas por Esperanto. Mi volus akceptigi, ke Esperanto estu la oficiala lingvo en la internacia dentkuracista kongreso de 1914 en London. La « Zahnarzliche Rundschau » tre disvastigata fakgazeto donis al ni esperantan angulon. *Nun mi petas ĉiujn samideanojn helpi al ni en la entreprenita tasko.* Precipe mi petas ĉiujn dentkurac-, kurac-, apotek-, ĥemi-, jur-istojn, k. t. p. sendi al mi pli malpli grandajn artikolojn interesajn por dentkuracistoj ! Ankaŭ la aliajn samideanojn mi petas sendi artikolojn kiuj koncernas dentkuracistajn aferojn en sia lando. La redaktorojn mi petas helpi, ke tiu-ĉi afero estu akceptita de la dentkuracistaj gazetoj de sia lando. Sed ĉiujn esperantistajn dentkuracistojn mi petas sendi al mi sian adreson.

Dentkuracisto H. Blum,
Berlin-Wilmersdorf, Prinzregentenstr., 120.

### Propaganda kolekto

La subskribinda delegito de U. E. A. petas ĉiujn samideanojn, kiuj deziras progresigi nian movadon en Svisujo, ke ili sendu al li 2-3 specimenojn de tiaj gazetoj kaj ĵurnaloj naciilingvaj, kiuj aperigas konstantan *Esperanto-Rubrikon* aŭ *Esperanto-Angulon*. Rekompence, li sendos la saman nombron da specimenoj de la « Semajna Esperanto-rubriko » de la Schweizerische Bürgerzeitung en Zurich. Al ĉiuj afablaj helpontoj, koran dankon !

H.-J. Unger, *Zurich* (Svisl.).
Turnerstrasse, 1.

### Atentinda

En nia urbo, Esperantismo estas ankoraŭ malmulte konata ; diversaj propagandrimedoj, de ni uzitaj, restis ĝis nun senefikaj. Tiam ni provis elmeti en librejajn fenestrojn esperantaĵojn, ekzemple ĵurnalojn, katalogojn, ilustritajn poŝtkartojn, fotografaĵojn de *malproksimaj* samideanoj kun *naciaj* kaj esperantaj subskriboj, ktp., kaj la publiko, vidante, ke la lingvo havas « jam » ĵurnalojn, nepriskribeble interesiĝis. Tial, ni decidis ripeti la ekspozicion en pli granda maniero ; ni do turnas nin al ĉiuj samideanoj kun la peto, ke ili sendu al ni esperantaĵojn (ĵurnalojn, katalogojn, ilustritajn poŝtkartojn, aŭ portretojn, *sed afrankite*). Antaŭan dankon !

Adreso : S-ro J. Mučnik, *Šepetovka*, Volin, gub. (Rusujo).
(*Aliaj gazetoj represu, se eble, tiun alvokon*).

# REKLAMO

## KORESPONDADO

La subaj anoncetoj pri Korespondado estas publikigataj sen garantio de ni pri regula respondo.

La personoj, kiuj deziras korespondi en daŭra maniero kaj havi garantiojn pri akurata respondo, aliĝu al la nova fako de U. E. A. « Universala Interŝanĝa Asocio » (kotizaĵo 0.50 Sm.), speciale starigita por faciligi la rilatojn inter korespondantoj kaj kolektistoj. La adresoj de la membroj de la Interŝanĝa Asocio estas publikigataj en la Interŝanĝa Bulteno.

**L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.**

Amiens (Francujo, Somme). — S-ro Edmond Payen, prez. de la Amiens'a Junularo Esperantista, 26, rue St-Honoré, PI., PM. L., bfl.

Barcelona (Hispanujo). — Esperanta Racionala Grupo, Wad-Rat. 216.

B. Kamnitz (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Richard Wenzel, N-o 414, PI., PM., bfl., gazetoj. — S-ro Alfredo Grohman, N-o 204, PI., PM., bfl. gazetoj. — F-ino Jlio Kirschner, N-o 204, PI., bfl. — S-ro Johann L. Zanker, ŝparkasdirektanto, PI., PM., bfl. — S-ro Rudolf Horn, D. de U. E. A., PI., bfl., ĉiuspecaj gazetoj.

Bœhm-Skalitz (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Franz Rotter, oficisto, PK., PM., monerojn, dez. ŝakludi.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haigneré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Braunschweig (Germanujo). — S-ro Walter Droge, 5 Kasernenstr. PI. L., PM. (nur kun negermanoj, precipe gazetojn).

Budapest (Hungarujo). — S-ro Callwitz Sandor, I. Feherkari-ut. 14 II. /27 PI., PM.

Burnley (Anglujo). — F-ino Harret Stowe, 52 Lyndhurst Road.

Burnley (Anglujo). — F-ino Minnie Standen, 25 Ennismore Street.

Dijon (Francujo). — S-ro Pitois, tajloro-altranĉisto, 22 strato Tivoli, PI.

Gloucester (Anglujo). — S-ro Olwer Dadley, 68 Deansway, PI. (kun Norvegoj, Svedoj, Danoj, Nederlandanoj, Portugaloj, Balkananoj, kaj ekstereŭropanoj).

Grenoble (Francujo, Isère). — F-ino Marthe Girard, 11, rue Lakanal, PI.

Heindenheim (Germanujo, Wttbgg.). — S-ro Harry Jentsch, PI., L. PM.

Jičin (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro F. Machytka, utĉit. ust. PI., L. PM.

Jičin (Aŭstrio, Bhemujo). — S-ro St. Knizek, Tyrŝa str. 255, PI.

Luck (Rusujo-Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

Mallorca (Hispanujo). — S-ro Antonio Barcelo G. de Parades-Consell, PI. L.

Montevideo (Urugay). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

Novočerkask/Dona (Rusujo). — S-ro Boriso Popov, Mariynskaja 36, PM.

Novočerkask/Dona (Rusujo). — S-ino Klaŭdia Popov, Mariyns kaja 36, PI. (belaj kapetoj kaj tipoj, kun ĉiuj landoj).

Novočerkask (Rusujo). — S-ro V. G. Pĉeliocev, 51 Aleksandrovkaja, PK. L.

Omsk (Rusujo). — S-ro Leonido Maslov, Warlamovska 26·

Palma de Mallorca (Hispanujo). — S-ro Gabriel Alomar, Vallori 14, nur kun neeŭropanoj.

Peterburgo (Rusujo). — S-ro R. Civinski, instituto de civilaj inĝenieroj, PI. (vidaĵoj de modernaj domoj).

Peterburgo (Rusujo). — F-ino Wala Brunovska, Zabalkanskij pr. 28, loĝ. 39. Pl. (kopioj de plej famaj pentristoj).

Philadelphia (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2.157 E. Cumberland str., L. (pri esotera Budeismo kaj Kristanismo; kun teosofiistoj).

Rio de Janeiro (Brazilujo). — S-ro Braŭlio de Moraes, Rua Benlo Goncalves 50 Eng. de Dentro.

Sabadell (Hispanujo). — S-ro J. Miro, Strato Zurbano 75.

Sabadell (Hispanujo). — S-ro J. Mikaelo Vinyals, strato Montserrat 56.

Sambro (Aŭstrio, Galicio). — Anoj de Esp. Societo « Zniez », dez. koresp. (adreso. S-ro Chrszĉtasztlczentwski).

S'Gravenhage (Nederlando). — S-ro M. A. Gerritse, Westerbaenstrast. 188, PM.

Skern (Danujo). — S-ro A. A. Terndrup, fervoj-asistanto. PK. L.

St. Chamond (Francujo, Loire). — S-ro Bayard, Avenue de la Gare, 2.

Vilno (Rusujo). — S-ro Dmitrij Jermolin, termezuristo, str. Ĥersonskaja, d. 4, Esperantista Societo, Pl., bfl., L.

Vilno (Rusujo). — S-ro A. Mucenek, termezuristo, str. Ĥersonskaja d. 4, Esperantista societo. Pl., bfl.

Vilno (Rusujo). — S-ro V. Nementoviĉ, termezuristo, str. Ĥersonskaja d. 4, Esperantista societo, Pl. vidaĵoj, portretoj de beluliuoj, bfl.

Warnsdorf (Aŭstrio, Bohemio). — S-ro Karl Fischer, Kreditanstalt, PM. oficialajn PK. L.

Wista (Aŭstrio, Silezio). — S-ro J. Pilch, Pl., L., PK., bfl.

Zgornja Bela (Aŭstrio, Kranjujo). S-ro Mihael Nagliĉ. Del. de U. E. A., poŝto Tupaliĉe apud Kranj, Pl., L., PM. (respondas per vidaĵoj de subteraj grotoj, riveroj, lagoj, neĝaj montoj, alpaj lagoj, akvofaloj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ATENTU ! Bonvolu antaŭsendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukcesplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

ATENTU KOLEKTANTOJ ! Mi deziras korespondadi per ilustr. poŝtkartoj aŭ leteroj kun ĉiulandaj gesamideanoj. Mi ankaŭ interŝanĝas poŝtmarkojn, esperantajn aŭ fremdlingvajn gazetojn kaj librojn, fotografaĵojn, cigaredojn, naciajn kantojn ktp. Se vi deziras interŝanĝi ian el tiuj ĉi objektoj, skribu al mi ilustr. poŝtkarton. Vi ricevos de mi baldaŭ respondon, per bela vidaĵkarto ! Mi ankaŭ korespondas boheme, germane, france, angle, ruse, hispane kaj itale. — Mi respondas ĉiam kaj tuj ! Harry Jentsch, Heidenheim (Wttbg.) Germanujo.

ATENTU ! Riprezentantojn por miaj ĥemiaj fabrikaĵoj serĉas ĉiuloke, D-ro W. Arnold, Berlin N-o 54, Lothringerstr. 41.

AŬSTRIAJ POŜTMARKOJ. — F. Machytka, uĉit. ust, Jiĉin (Aŭstrio, Bohemujo) dez. interŝ. markojn kaj kartojn kun sam. de tuta mondo en divers. multegoj. — Skribu ĉiuj, kiuj volas havi valorajn aŭst. markojn.

ESPERSTENO : Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo : Sm. 0.50 (aŭ 5 respondkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

EKSPORTISTOJ DE ĈIFONOJ, ATENTU ! ! S-ro W. H. Hirst, 46, Thornton Lodge Road, Huddersfield, Anglujo, deziras riprezenti Germanajn aŭ Francajn Eksportistojn de Ĉifonoj. Li speciale nun deziras fenestro-kurtenojn kaj vestojn. *Samideanoj, sciigu la eksportistojn en via lando. Antaŭajn dankojn.*

FAMILIA PENSIONO en ĉarma loko. F-ino Cianferoni, Lung' Arno Acciainoli 2 bis. Firenzo. Oni parolas Esperante.

FILATELISTOJ : Kiu kolektas tutajojn ? Mi interŝanĝas ilin, sendos ankaŭ rekompence antikvajn PM. saksajn ktp. Membro N-o 33 de U. I. A. Delegito de U. E. A. Reinhold Hunger, Frankenberg/Sachsen (Germanujo).

GERMANA GIMNAZIANO serĉas au-pair-postenon en Francujo aŭ Anglujo. Parolas angle, france, Esperante. Demandojn bonvolu sendi al : Lüerwaldt, Trofoiach, obersteiermak-Aŭstrujo.

GERMAN-AŬSTRIA ESPERANTISTO. — Pri la 8-a internacia kongreso Esperantista 1912 informas bonege la oficiala organo de la Ligo de Germanlingvaj Aŭstriaj : German-Aŭstria Esperantisto. Ĉiumonate Esperante kaj Germane. — Jara abono Sm. 1,25 — k. 3. Administracio : Wien VI, Dürergasse 19.

INTERŜANĜO : Milano (Italujo). — S-ro Rag Grillo, via Giovo, 3, sendas ilustritajn poŝtkartojn, italajn poŝtmarkojn, kontraŭ neitalaj tramvojaj, aŭtomobilaj, ŝnurvagonaraj biletoj.

KORESPONDADO : Hampton-in-Arden, Warwickshire (Anglujo), la gelernantoj, aĝe de 9-15 jaroj, de la elementa lernejo (Estro : S-ro W. A. Frodin) dez. koresp. kun ĉiulandaj samideanoj, prefere kun Milananoj per PI.

KORESPONDANTOJ. — S-ro Prof. Meazzini, Bibiena, informas ĉiujn korespondantojn, ke li nur deziras korespondi pri lingvaj demandoj, sed ne per PI. ktp.

KRIZANTEMOJ kun grandaj floroj. Kolekto da 250 malsimilaĵoj. Oferas junajn kreskaĵojn tre vivantajn, sendeblajn en Marto-Aprilo. Prezo : 5 frankoj po 12 specoj malsimilaj, Koloroj tre diversaj. Katalogon laŭ peto. S-ro A. Hollert, amatora ĝarden kulturisto, Boulogne-sur-Mer (Francujo).

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. — Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

MONEROJ baldaŭ malaperontaj aŭstr. à 5, 10, 20 k. kun signo « Schwartz » por kolektantoj aĉetante. — Buchleitner. Jaromer Aŭstrio.

PACPARLAMENTO KAJ ĜIA ORGANIZO. — Informoj ktp. : J. Klingenberg, Kristiana (Norvegujo) Sm. 0,25.

POŜKRAJONOJ kun pintigiloj kaj magazeno el diverskolora galalito surskribitaj « Samideano » po 50 Sd., kun plumo duaflanke 60 Sd. Ĉiuj Esperantistoj mendu ĝin ĉe « Societo Esperanto », Krakovo, Aŭstrio.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

RIPREZENTADO. — La firmoj, kiuj bezonas sukcesan disvastigon de diversaj fabrikaĵoj tra Uralo kaj Siberio, estas petataj sendi siajn proponojn kun kondiĉoj al S-ro. A. I. Popov, B. Uspenska N-ro 80, Ufa (Rusujo). Seriozeco estas plene garantiita !

# ESPERANTISTA POŜKALENDARO

por la jaro 1912

Redaktoro :

**D-ro A. Schramm, reĝa asesoro, Dresden.**

La nova eldono enhavas, krom la ambaŭstila dataro kaj diversaj tabeloj, tre riĉan kaj valoran materialon, multe pli ampleksan ol en la antaŭaj jaroj. Multaj artikoloj informos la aĉetantojn de la libro pri ĉio, kio estas sciinda en Esperantujo, kaj pro tio la nova Poŝkalendaro estas bezonata libro por ĉiu esperantisto.

Pro la abundeco de la materialo la kompleta listo de la esperantistaj grupoj, kiu ĝis nun troviĝis en la Poŝkalendaro, aperos kiel aparta libro en Aprilo 1912

**Prezo de la Poŝkalendaro** (unua parto)
0,80 M (0,400 Sm.) neafrankite,
Sendkostoj por Germanujo 0,10 M., por ĉiuj aliaj landoj 0,15 M. (0,075 Sm.).
Oni postulu specialan prospekton de

**Esperanto Verlag Mœller et Borel**
Berlin SW. 68, Lindenstr. 18-19
kaj korespondantoj

---

"Pelikan"

Tra la tuta mondo la nomo estas konata. Ĉu ĝi ne ankaŭ troviĝas sur via inkboteleto? Se ne, tuj provu inkon "Pelikan"! Ĝi estas fabrikaĵo de perfekta kvalito, same kiel skribrubandoj kaj karbopaperoj de l'marko "Pelikan". Via paperisto ilin liveras al vi, sed postulu la markon "Pelikan"! Prospekto esperanta №. 215 senpage sendata de la fabrikanto
Günther Wagner, Hannover (Germanujo) kaj Vieno

---

## LINGVO INTERNACIA

*Centra organo de la Esperantistoj*

La plej malnova el ĉiuj Esperantistaj gazetoj. Fondita en 1895
15-20

**Abono : 5 fr. (2 $)**

## JUNA ESPERANTISTO

*Monata beletristika Gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj*

Ordinara enhavo : Rakontoj kaj Noveloj, Fabeloj, Poemoj, Lingvaj ekzercoj, Amuzoj, Problemoj

**Jarabono : 2.50 fr. (1 $)**

*SPECIMENO SENPAGE RICEVEBLA*

**Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, 33, PARIS**

---

## SILKAJ ESPERANTAJ PROPAGANDILOJ

El belaj verdstelumitaj ŝtofoj. Universala uzado.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Flageto, | 0.120 Sm. | Ĉapelpinglo, | 0.560 Sm. |
| Brakbanto, | 0.400 Sm. | Vualskarpo, | 1.320 Sm. |
| Kravatoj, | 0.500 Sm. | Rubando, metro, | 0.800 Sm. |

*Silka portreto de* **D-ro Zamenhof** *sur poŝtkarto, 0.300 Sm.*

Kontraŭ respondkupono oni ricevas flageton kaj ilustritan prezaron. — Rabato pogrande. **B. PEYRAUD**, V.-Del. U. E. A., 54, rue Préfecture, **Saint-Etienne (Franc.).**

---

ONI PAGU POŜTMANDATE

LA ĈAPELPINGLOJ POR SINJORINOJ

ESTAS AĈETEBLAJ ĈE

Sinjoro B PEYRAUD Rue de la Préfecture.54
ST ETIENNE (Loire)
FRANCE

Prezo: 0 Sm 56 (1 fr 40 c.

SPECIALAJ PREZOJ POR LA VENDO POGRANDE

---

## GERMANA ESPERANTISTO

La gazeto aperas en **du eldonoj**, kiuj duonmonate alternas. **Eldono A**, eliranta la **5-an de ĉiu monato**, celas la **propagandon por Esperanto.**

**Eldono B**, eliranta la **20-an de ĉiu monato**, estas **pure literatura.**

Jara abonprezo por Germanujo kaj Aŭstrio-Hungarujo M. (4 Sm.), por ĉiuj aliaj landoj 2.250 Sm. La abonoj komenciĝas nur en Januaro, Aprilo, Julio kaj Oktobro. Laŭdezire oni povas **aparte aboni ĉiun el ambaŭ tute sendependaj eldonoj** por la **duono** de la supre montritaj prezoj.

**Esperanto Verlag Mœller & Borel**
**BERLIN SW. 68, Lindenstr. 18/19.**

---

**MIRALETTRE** (Leterpapero sen koverto) **necesega por ĉiu**

Specimenoj (verde presitaj steloj por *Poŝtkupono*.
*ESPERANTO*, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, PARIS (X-e)

---

Kontraŭ

**Reŭmatismoj, Iskiatiko, Lumbago, k. a.**

*la negrasaĵa balzamo*

# "ASARCOS"

**estas la plej efika kaj la plej pura el ĉiuj eksteraj kuraciloj.**

Sendo kontraŭ poŝtmandato da :
por Francujo : frankoj 2 » (Sm o.8o)
por Fremdlandoj : » 2.25 (Sm o.9o)

Skribu al S.ro J. BOUGE, farmaciisto, GRASSE (Francujo).

